2a JARO JUNIO 1910 8a NUMERO (20)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de **VAN DER BIEST-ANDELHOF**, direktoro ;
**LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS** kaj
**OSCAR VAN SCHOOR.**

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen, Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## DIVERSAJ INFORMOJ

**Grava Avizo.** La esperantist(in)oj partoprenintaj en la Bruĝa kongreso, kies nomo ne figuras en la **Provizora Nomaro**, estas petataj sendi **senprokraste** al la direktoro de « Belga Esperantisto » sian plenan adreson.

—**La ĝenerala kunveno** de la Nederlandaj esperantistoj okazos en **Hago** (den Haag, la Haye), je dimanĉo la 17a de julio.

La invita cirkulero alvenis tro malfrue por esti enpresata en la nunan numeron ; por ĝin ricevi oni skribu al S-ro **L. Wijnschenk**, 2a Sekretario de la Haga Grupo, Kettingstraat, 33, den Haag.

Deko da nederlandaj gesamideanoj faris al ni la honoron ĉeesti nian nacian kongreson en Bruĝo ; ni esperas ke niaj belgaj amikoj, reciproke, multnombraj aliĝos tiun de niaj Nordaj najbaroj.

— **Ekskurso tra la kasteloj de Centra Francujo.** Sub la aŭspicioj de U. E. A. estos organizata de la 22a — 26a de aŭgusto esperantista vojaĝo al la kasteloj de la Loire (Parizo, Orléans, kasteloj de Chambord, Blois, Chaumont, Amboise, Tours, kastelo de Chenonceaux, Versailles.

Prezo (de Parizo) : proksimume Sm. 72. — ; ĉiuj kostoj enkalkulitaj. Oni bonvolu enskribiĝi sin antaŭ la 30a de Junio. Adreso : Al la Prezidanto de la Esperantista grupo, 24, rue Chambourdin, Blois (France).

— **5a germana esperantista kongreso.** Por ĉiuspecaj informoj oni skribu al la Sekretario de la kongresa komitato : Reisingerstr. 31, Augsburg (Bayern).

— **La persono** kiu subskribas « HIPNOTIGISTO » estas petata konigi sin al la direktoro de « Belga Esperantisto ».

— **Al la instruistoj.** S-ro N. Moesgaard, instruisto, Köge (Danmark), faronta vojaĝon al Parizo por ĉeesti la kongresojn pri lerneja higieno kaj instruado (2-7 aŭg.), tre deziras (antaŭ aŭ post tiuj datoj) pasigi 2-3 tagojn ĉe belga kolego kaj samideano. Kolego, kiu eble volas akcepti lin, bonvolu baldaŭ skribi kelkajn vortojn al li.

— **Verda Stelo, Antverpeno.** Ĉiujara ĝenerala kunveno, la 22an de junio, je la 8 1/2a, en la kafejo « Zomerhof », 32 Dageraadplaats (Place de l'Aurore). Tagordo : 1. Raporto pri la la lasta kunveno. — 2. Elekto de la komisarioj. — 3. Propagandaj rimedoj. — 4. Novaj kursoj. — 5. Diversaj informoj.

Oni ne sendos specialan kunvokilon. La jena avizo anstataŭas ĝin.

LA PREZIDANTO,
FRANS SCHOOFS.

# La dua esperantista kongreso

Por ĉiam memorindaj en la belga esperantista movado estos la datoj de la 15a kaj de la 16a de majo 1910.

Pli ol 350 belgaj, francaj, holandaj, germanaj kaj anglaj samideanoj partoprenis en la Bruĝa kongreso, kiu plej brile sukcesis kaj atestis pri la vivforto de Esperanto en nia lando.

Granda estis la signifo de tiu kongreso.

La provinca kaj la urba estraro plej simpatie ĝin apogis, — la ĵurnaloj de ĉiuj politikaj opinioj plej favore raportis pri ĝi, — la loĝantaro de Bruĝo salutis la kongresanojn per bonvenaj devizoj kaj flagornamante siajn domojn, — ĉiuloke feste brilis la verda stelo.

La oficiala akcepto en la urbestrarejo kaj la kongresa kunsido en la belega salono de la provinca hotelo alprenis tiun indecon kaj gravecon, kiuj decas al niaj altcelaj laboroj. Plej sukcesinta kaj gaja estis la festeno, kie kunsidis multego da entuziasmaj gesamideanoj. Ankaŭ la ĝoja intima festo kaj la agrablaj ekskursoj tra la pentrinda urbo Bruĝo kaj al la Maro, dum kiuj oni plej afable, plej kore interkonatiĝis kaj interfratiĝis, lasos al la ĉarmitaj partoprenintoj ne forgeseblan, plej dolĉan rememoron.

For estas la tempo kiam dum niaj kunvenoj oni perdis multekostan tempon por altrudi ĥimerajn teoriojn pri plibonigo (?) de nia lingvo, ne atentante ĝiajn tiel ofte pruvitajn ecojn, taŭgajn por ĉiuj fakoj de la homa aktiveco !

Revekiĝinta estas la sana spirito de niaj samlandanoj !

Konstrui estas ilia celo, ne detrui !

Ili ne klamas, ili laboras !

Ilia organo ne plenigas siajn kolonojn per vanaj projektoj kaj tedaj diskutaĵoj, neindaj mokaĵoj aŭ senspritaj aludoj ; konigi, ŝatigi kaj disvastigi Esperanton estos kaj restos ĝia sola programo, forĵetante ĉiajn akrajn personajn demandojn, kiuj, neniam ion solvante, nur unu montras : la mankon de efikaj argumentoj.

## LA AKCEPTO

Je la 9a matene granda amaso da samideanoj kunvenis en la hotelo « Ora korno » (Gouden hoorn, Cornet d'or), placo Simon Stevin.

La Bruĝa loĝantaro rigardis interesplene la densajn grupojn da verdstelitaj fremduloj, kaj miris pro la belsona lingvo, kiun multaj el ili aŭdis la unuan fojon.

En longaj vicoj la esperantistoj aliris la Urban Estrarejon, kie en la artplena gotika salonego ilin atendis S ro J. Schramme, Skabeno de Belaj Artoj kaj de la Publika Instruado, kun delegitaro de la Urba konsilantaro.

Post kiam S-ro Witteryck, prezidanto de la Bruĝa grupo kaj de la organiza komitato, estis prezentinta la kongresanojn, S-ro **Schramme**, elparolis Esperante la jenan paroladon :

« Altestimataj Gesinjoroj,

» Je l'nomo de la urbestraro, mi havas la honoron diri al vi tutkoran bonvenon en la antikva urbo Bruĝo.

» Mi estas feliĉa saluti vin en Esperanto, la mirinda lingvo per kiu la popoloj el ĉiuj mondpartoj interrilatas kiel gefratoj el la sama familio.

» Estis por mi granda ĝuo konatiĝi kun la Zamenhofa lingvo, kiun mi konsideras kiel altvaloran bonon por la homaro. Mi deziras al ĝi baldaŭan triumfon kaj mi estas fiera batali kun vi, en viaj vicoj, por ĝin sukcesigi.

» Altestimataj samideanoj, mi esperas ke la 2a belga esperantista kongreso estu sukcesplena, kaj ke via restado en nia gastema urbo estu plej agrabla.

» Vivu Esperanto ! »

Ne eble estas imagi la potencan efekton, naskitan de la bonvena saluto de la altestimata S-ro Skabeno, la unua aŭtoritatulo, kiu oficiale uzis nian karan lingvon en Belgujo. Laŭtaj aplaŭdoj ankoraŭ resonis, kiam la honorinda Skabeno daŭrigis — franclingve — sian paroladon, en kiu li speciale insistis sur la interna ideo de Esperanto, la ĝenerala interfratiĝo de la homaro.

S-ro **Van der Biest-Andelhof**, prezidanto, estis la interpretanto de la Belga Ligo Esperantista por danki S-ron Schramme. Jen lia parolado :

« Altestimata Sinjoro Skabeno,

» Estas por mi plej honora, plej agrabla tasko, esprimi al vi, je l'nomo de la B. L. E., mian plej sinceran dankon pro la tutkora akcepto, kiun rezervis al ni la Bruĝa urbestraro.

» Nia ĝojo estas des pli granda, Sinjoro Skabeno, ĉar la bonvena parolado adresita al ni, estas esprimita en nia kara Esperanto, de viro, kiun ni estas fieraj posedi en niaj vicoj, kaj kiun ni aklamas, ne nur kiel la respektegindan kaj altvaloran magistraton, sed ankaŭ kiel plej afablan, plej simpatian samideanon. (*Laŭtaj aplaŭdoj*).

» En via gastema urbo, S-ro Skabeno, ni sentas nin tute hejme. Ekzistas ĉi tie aro da kapablaj esperantistoj, fervoraj propagandistoj de la Zamenhofa lingvo. Bruĝo estas kvazaŭ la lulilejo de Esperanto en Belgujo. Efektive, jam dum la jaro 1902 estas starigita en tiu ĉi urbo esperantista grupo, la unua en la lando ; ĝia ĉefa fondinto estas mia bona amiko kaj malnova kunbatalanto S-ro Witteryck, la energia kaj entuziasma pioniro, kiu havis la afablecon nin prezenti al vi. (*Krioj : Vivu Witteryck !*)

» Mi finas, Altestimata S-ro Skabeno, ree esprimante al vi mian plej sinceran dankon, kune kun miaj tutkoraj bondeziroj por la prosperado de via urbo, ne plu la dormanta, la senviva Bruĝo, sed la pentrinda, la poezia, la ĉarma Bruĝo, —la Bruĝo kiu estas repreninta en la patrujo sian iaman brilon, sian iaman gloron, — la Bruĝo, unuvorte, kiu renaskiĝis kaj nune revivas, bela kaj forta.

» Vivu Bruĝo ! Vivu la esperantista Skabeno, S-ro Schrammel » (*Longaj aplaŭdoj*.)

S-ro **Carlo Bourlet**, prezidanto de la Pariza Grupo Esperantista, esprimas la dankon de la eksterlandaj kongresanoj en tre elokventa parolado, kies teksto sekvas :

« Sinjoro Skabeno,

» Je la nomo de la multnombraj eksterlandaj samideanoj, kiuj partoprenas tiun belan kongreson, ni venas alporti la koran kaj dankplenan saluton de la nebelgaj Esperantistoj al la urbo Bruĝo, al ĝia progresema urbestraro, al vi, Sinjoro Skabeno, kiu ĝojigis niajn korojn, parolante nian lingvon.

» Ne mi, sed Generalo Sebert devus havi la plezuron plenumi tiun honoran kaj agrablan devon : sed nia eminenta kaj de ĉiuj estimegata ĉefo, pro malfortiĝo kaj raŭkiĝo de sia voĉo komisiis min anstataŭi lin.

» Senkulpigu do min, S-ro Skabeno, ke nur simpla leŭtnanto parolas, kiam ĉeestas generalo.

» Jam antaŭ kelkaj monatoj mi havis la grandan ĝojon restadi en via bela urbo, paroladi pri nia lingvo, kaj ankaŭ konstati la afablan fervoron de la Bruĝa urbestraro al Esperanto. Hodiaŭ vi bonvolas doni al ni novan kaj signifan pruvon de via intereso por nia grava entrepreno. Cetere tio ne mirigas nin.

» Bruĝo vekiĝanta, revivigita, celante retrovi sian antikvan prosperecon kaj famon, ne povis ignori la definitivan solvon de tiu problemo tiel grava por la internacia vivo.

» Via bela industriema lando, kiel ankaŭ la najbara amika Holando, neŭtraj rendevuejoj de la eŭropaj gentoj, devas nepre fariĝi intensaj fokusoj por propagandado de internaciaj ideoj kaj internacia lingvo.

» Belgujo, centro de tiu tripinta stelo, kies branĉoj estas Britujo, Germanujo kaj Francujo, Belgujo, natura ligilo inter tiuj tri ĉefaj nacioj, trapasejo de ĉiuj eŭropaj migradoj, ne povas rezigni la grandan rolon al ĝi difinita en la internacia organizado.

» Kaj vi tion komprenis, kaj vi fervore nin helpas, kaj pro tio al vi ni esprimas la plej koran esprimon de nia simpatia dankemeco, kaj pro tio ni kune krias : Vivu la urbo Bruĝo ! Vivu la Belga lando ! » (*Entuziasmaj aplaŭdoj*).

Intertempe la Ŝampanvino ŝaŭmis en la pokaloj kaj oni trinkis je la Bruĝa urbestraro kaj la sukceso de la kongreso.

Poste S-ro Schramme kondukis la kongresanojn tra la belegaj salonoj de la Urbhotelo, kaj klarigis al ili ĝiajn multnombrajn kaj rimarkindajn artaĵojn.

Decis, ke en la antikva flandra civito Bruĝo, kie ĝis nun la salutoj estis inserŝanĝitaj Esperante kaj france, oni ankaŭ aŭdigu la gepatran idiomon de la loĝantaro.

Post la vizito de la urbhotelo S-ro **Witteryck** alparolis flandralingve S-ron Ghyoot, urban konsilanton, kiu atendis la kongresanojn en la skabenejo :

« Achtbare Heer Ghyoot,

» Esperanto, waarvoor wij ijveren, is eigenlijk slechts voor ons eene hulptaal, en hoewel wij volgaarne het Fransch als eene onzer beide nationale spraken aanzien, houd ik er aan dat hier ook eenige woorden van dank uitgesproken worden in het Vlaamsch, de moedertaal van de groote meerderheid der Belgen, overtuigd dat ik hierin de goedkeuring zal wegdragen, niet alleen van de Vlamingen, maar ook van de vertegenwoordigers der vreemde natiën, die ons congres bijwonen.

» Wij drukken dus onze vurige erkentenis uit aan U, Achtbare Heer Ghyoot, die ons de eer aandoet ons hier nogmaals te ontvangen, en hernieuwen die aan den heer Schepene Schramme, die ons verwelkomd heeft in Esperanto, alsook aan al de stedevoogden van het aloude Brugge, wiens ge meentebestuur zijn openlijke bescherming heeft gegeven aan dit congres, dat bij allen de aangenaamste herinnering zal nalaten.

» Leve Brugge ! » (*Levendige toejuichingen*).

S-ro **Ghyoot** respondis :

« Dames en Heeren,

» Ik ben gelukkig, op mijne beurt, u te mogen verwelkomen in het oude, gastvrije, Vlaamsche Brugge.

» Hoogst aangenaam is het mij, daar mij de gelegenheid gegeven werd hier benevens Esperanto en Fransch, ook het Vlaamsche woord te mogen hooren, en zulks in deze prachtige zaal, waar alles herinnert aan Vlaamschen heldenmoed en Vlaamsche burgerdeugd.

» Ik weet het, uw schoone wereldtaal Esperanto heeft slechts ten doel de verbroedering onder alle volkeren te vergemakkelijken en geenszins de eene of andere taal te verdringen. Daarom juich ik uwe pogingen toe en wensch ik allen bijval aan uw congres.

» Wij, ouderen van dagen, weten, wat al tijd, moeite en geld de studie der vreemde talen ons gekost heeft. Hoe gemakkelijk zou het niet geweest zijn, indien wij in onze jeugd Esperanto gekend hadden ! Weest verzekerd, Dames en Heeren, dat in dat geval de zaak heel wat verder vooruit

zou gegaan zijn ; ik zeg meer : dat wij reeds den volledigen triomf van het Esperanto zouden beleven !

» Ik eindig, Dames en Heeren, met de beide voorzitters, HH. Van der Biest en Witteryck te danken over den lof dien zij aan het Brugsch gemeentebestuur toegezwaaid hebben, en ik zal volgaarne hunne goede gezinningen aan mijne collega's overmaken.

» Nogmaals, Dames en Heeren, welkom in Brugge, en leve Esperanto ! (*Langdurige toejuichingen*).

S-ro **Van der Biest-Andelhof,** prezidanto, aldonis :

« Achtbare Heer !

» Ik verheug mij van ganscher harte met u, hier onze schoone moedertaal te mogen gebruiken en hier met u te komen bevestigen, dat Esperanto de goede genius, de schutsgeest is der nationale spraken.

» Wanneer de taal van Zamenhof eens de beslissende zege zal bereikt hebben naar welke wij streven en waarvoor wij onze beste krachten veil hebben, zullen wij niet meer verplicht wezen onze eigene taal te verwaarloozen voor de lastige en langdurige studie van het Fransch, Engelsch, Duitsch en andere spraken, die door den steeds wassenden vloed der wederlandsche betrekkingen, zich meer en meer opdringen en zullen wij ons met hart en ziel kunnen wijden aan onze moedertaal, die de uitdrukking onzer oorspronkelijkheid is en de reinste betooging van ons nationaal gevoel.

» Zulks werd ten overvloede bewezen in eene onlangs verschenen brochuur, *L'Esperanto et les langues nationales,* door Generaal Sebert, dien wij gelukkig zijn bij dit congres te mogen begroeten. Het warme pleidooi van Generaal Sebert heeft het vraagstuk volkomen toegelicht en bij velen den twijfel over dit punt doen verdwijnen. Ik ben gelukkig, Weledele Heer, hierover met u in volkomene overeenstemming van gedachten te zijn.

» Ik eindig, Achtbare Heer Ghyoot, met mijn herhaalden dank aan Brugge te betuigen, wiens gemeentebestuur ons zoo hartelijk ontvangt. » (*Bravo's*).

## LA KONGRESA KONSIDO

Lia Barono Moŝto, S-ro A. Ruzette van Caloen de Basseghem, provincestro de Okcidenta Flandro, estis tiel afabla disponigi al la kongresanoj la grandan gotikan festhalon de la provinca estrarejo.

Tiu superbela kunvenejo baldaŭ pleniĝis per multnombra ĉeestantaro.

Je la 11a komenciĝis la kunsido, sub la prezidanteco de S-ro Van der Biest-Andelhof, helpata de S-roj Witteryck kaj Pastro A. Richardson, vicprezidantoj de la B. L. E., L. Champy, ĝenerala sekretario kaj O. Van Schoor, kasisto.

## Estraro de la Belga Ligo Esperantista (15 Majo 1910).



O. Van Schoor, kasisto, — Van der Biest-Andelhof, prezidanto, — L. Champy, sekretario,
Pastro Richardson, vic-prezidanto, — A. J. Witteryck, vic-prezidanto.

La prezidanto invitas por sidiĝi ĉe la estraro S-ron Generalon Sebert (Francujo), F-non N. Boon (Nederlando) S-non Adv. Taylor (Britujo), S-ron Ebner (Germanujo) kaj S-rojn Prof. Swagers (Antverpeno), D-ron W. Van der Biest (id.), S-ron Adv. de Poortere (Bruĝo), kaj S-ron Komandanton Duverdyn (id.).

S-ro **Van der Biest-Andelhof,** prezidanto, malfermas la kunsidon per la jena parolado :

Altestimataj gesinjoroj,

Estas por mi plej agrable, plej honore, esprimi al vi mian tutkoran samideanan saluton kaj bonvenigi vin en Bruĝo, la sidejo de la 2a belga esperantista kongreso.

Al tiu saluto, al tiu bonvenesprimo, mi aldonas mian plej sinceran dankon. Dankon al Lia Moŝto, S-ro Barono Ruzette, provincestro, al kiu ni ŝuldas la uzadon de tiu ĉi bela kunvenejo, — dankon al la Bruĝa urbestraro, kiu tiel simpatie akceptis nin en la antikva kaj belega Urbdomo, — dankon al la loka komitato, kiu tiel laŭdinde organizis la nunan kongreson, — dankon al la eksterlandaj esperantistoj, kun kiuj ni hodiaŭ interŝanĝas la manpremon de samideana frateco, — dankon al vi, miaj belgaj geamikoj, kiuj per via multnombra ĉeesto, atestas pri la graveco de Esperanto en nia patrujo.

En sia nuntempa fazo, Esperanto jam pruvis al multaj el siaj adeptoj sian praktikan utilecon, plifaciligante iliajn rilatojn kun alilingvanoj pri komerco, industrio, turismo. Al multaj nia kara lingvo plilarĝigis la sciencan kaj literaturan horizonton.

Aliaj uzis Esperanton en kongresoj. Multnombraj ankaŭ estas tiuj, kiujn la sciado Esperanto ĝuigis, ebligante al ili korespondi kun fremdlandanoj pri la plej diversaj kaj interesaj temoj.

Krome, ekzistas certe ankoraŭ aro da samideanoj, al kiu la Zamenhofa lingvo ĝis nun ne montris bone difinitan flankon. Tamen ili estas kaj restas Esperantistoj, ili sin interesas pri Esperanto pro ĝia beleco, ĝia riĉeco, ĝia logikeco, — ili partoprenas en nia movado ĉar ili havas la konvinkon ke ili kunlaboras por io bona, grandioza, se ne senpere pro sia propra profito, almenaŭ por tiu de la venonta generacio, — ili estas en niaj vicoj por lumigi la publikan opinion kaj kune influi sur ĝin, en komuna sento kun la tuta samideanaro, kiun Esperanto albrilas kiel altcela esprimo de homamo kaj interfratiĝo.

Honoron, dankon al la glorinda elpensinto de nia kara lingvo, kiun kiel interpretanto de nia kongreso mi estas feliĉa saluti, kaj kies nomon mi proponas al vi laŭte kaj entuziasme aplaŭdi ! (*Longaj aklamoj. Krioj : Vivu Zamenhof !*)

La efektivigo de la triumfo de la Zamenhofa lingvo estas do la celo de niaj agadoj, la objekto de niaj klopodoj. Tiun celon ni atingos, Altestimataj Gesinjoroj, zorge ellernante kaj plej ofte praktikante Esperanton, — apogante tiujn, kiuj diskonigas ĝin per la parolo kaj per la plumo, — propagante ĝin mem senhalte, — kaj antaŭ ĉio, restante unuiĝintaj, plenkonsente kun nia kara majstro kaj liaj ĉiamaj kunlaborantoj, al kiuj li konfidis la taskon kontroli la evolucion de sia mirinda elpensitaĵo.

La tralegado de la kongresa tagordo estos montrinta al vi ĝian grandan gravecon,

Mi esperas, ke niaj laboroj utilos nian gravan entreprenon kaj kun la esprimo de tiu espero, mi malfermas la kunsidon. (*Longaj aplaŭdoj*).

Diversaj telegramoj kaj salutaj leteroj estas senditaj al la kongreso, i. a. el Vieno (de la unua tutaŭstria Esperantotago), Parizo, Amsterdamo, Dusseldorf, Bruselo, Namur, Beyne-Heusay. S-ro D-ro R. Van Melckebeke, malhelpita por ĉeesti la kongreson, senkulpigas sin.

D-ro Zamenhof skribis la jenan leteron :

VARSOVIO, la 10an de majo, 1910.

Al la dua Belga Esperantista Kongreso mi sendas mian koran saluton, al miaj belgaj amikoj mi deziras plej bonan sukceson en ilia laborado.

Dum la lasta du jaroj, vi, Belgaj amikoj, distingiĝas laŭdinde per via fervora, nelacigebla propagando. Granda estas mia feliĉo, konstatante vian ĉiaman progresadon.

Post unu jaro, la Esperantistoj el la tuta mondo venos en vian landon por la granda ĉiujara festo de la Esperantismo. Tiam kun fiereco vi montros al ni, kion vi faris, kaj la sincera ĝojo de la tuta popolo esperantista estos por vi dolĉa rekompenco por viaj laboroj.

Al miaj bravaj belgaj batalantoj, kaj al la organizontoj de la granda kaj grava *Sepa Universala Esperantista Kongreso* mi esprimas mian plej koran kaj sinceran simpation.

L. L. ZAMENHOF.

Senfinaj aplaŭdoj esplodas post la legado de la letero de nia kara majstro. Oni decidas sendi al li telegramon, kiun oni redaktas jene :

Pli ol 350 belgaj, francaj, holandaj, germanaj kaj anglaj esperantistoj, kuniĝintaj en Bruĝa okaze de la dua belga kongreso, sendas al sia kara majstro, D-ro Zamenhof, sian plej simpatian, respektplenan saluton.

**S-ro L. Champy**, ĝenerala sekretario, legas intersekve la du jenajn raportojn :

**A. Protokolo pri la ĝenerala kunveno de la Belga Ligo Esperantista, okazinta en Verviers la 27an de junio 1909**

La kunsido estas malfermata je la 11a, en la salonego de « L'Aide Mutuelle ».

**S-ro Van der Biest-Andelhof** prezidas.

Preskaŭ ĉiuj grupoj estas reprezentataj ; plie oni rimarkas diversajn francajn, germanajn kaj holandajn samideanojn. Oni kalkulas proksimume 200 ĉestantojn.

Malfermante la kunsidon, la prezidanto sendas dankparolojn al la Urbestraro de Verviers pri la ĉarma akcepto farita al la belgaj esperantistoj. Li ankaŭ dankas la eksterbelgajn samideanojn pri ilia nova pruvo de simpatio al niaj samlandanoj. La Prezidanto speciale gratulas kaj dankas S-ron Parotte pri la bona organizado de la akcepto rezervita al la kongresanoj.

**S-ro Van der Biest** legas leteron ricevitan de D-ro Zamenhof, kiu sendas sian koran saluton al la unua belga kongreso.

**S-ro Champy**, ĝenerala sekretario, legas la protokolon pri la ĝenerala kunveno de la 20a de septembro 1908, kiu estas unuvoĉe akceptata sen diskuto. Li legas ankaŭ la raporton pri la esperantista movado en Belgujo dum la jarperiodo 1908-09. Ĝi estas same aprobata.

**S-ro O. Van Schoor,** kasisto de la Ligo, raportas pri la financa stato ; lia raporto estas aprobata.

**S-ro Finet,** membro de la juĝantaro por la akiro de la diplomo pri profesora kapableco, raportas pri la lasta ekzameno okazinta en Antverpeno la 20an de Junio.

**La Prezidanto** disdonas la diplomojn al la sukcesintaj kanditatoj kaj tutkore gratulas ilin. Li dankas ankaŭ S-rojn Blanjean, Finet kaj Swagers, kiuj akceptis la taskon juĝi la ekzamenon.

**S-ro Swagers** raportas pri la konkurso de monologoj organizita de la Ligo, kaj konigas la rezultaton. La prezidanto gratulas la gelaŭreatojn kaj esprimas la dankon de la Ligo al S-ro Witteryck, donninto de la premioj por tiu konkurso.

F-no **Ledène**, je l'nomo de la gelaŭreatoj, dankas la komitaton de la Ligo kaj S-ron Witteryck.

Ĉiuj ĉi raportoj estos presataj en la oficiala organo de la Ligo.

Laŭ la tagordo oni pridiskutas la ŝanĝojn de kelkaj artikoloj de la regularo de la Ligo, kiuj ne plu akordiĝas kun ĝiaj nunaj bezonoj. S-ro **Swagers** proponas aldoni al la art. 2a la jenan frazon : « Ĝi (la Belga Ligo Esperantista) nur propagandas la lingvon internacian kiel ĝi estas elpensita de D-ro Zamenhof, kaj kies evolucion la Lingva Komitato kaj ĝia Akademio difinos.

Li rimarkigas ke lia propono nur celas enkonduki en la regularon la deklaracion alprenitan de la ĝenerala kunveno la pasintan jaron.

S-ro **Blanjean**, prezidanto de la Grupo « Pioniro » el Bruselo, parolas malfavore pri tiu propono. Tamen oni akceptas ĝin unuvoĉe krom S ro Blanjean.

Oni akceptas ankoraŭ kelkajn negravajn ŝanĝojn al la artikoloj 6a, 7a, 8a kaj 10a.

Pri la art. 13a oni elektas kiel oficialan organon la revuon « Belga Esperantisto ».

Fine nova art. 14a fiksas ke la liga jaro komencos la 15an de Novembro. La tuta regularo estas aprobata unuvoĉe, krom de S-ro Blanjean.

La nova regularo estos presata en la oficiala organo de la Ligo.

S-ro **Richardson** sciigas ke la kunveno de la delegitoj de U. E. A., okazinta en Huy, la 31an de majo, decidis pri fondo de propagandista societo, kies membroj faros propagandajn paroladojn pri Esperanto, ĉie, kie la Ligo tion juĝos necesa.

Post diversaj komunikajoj, la kunsidantaro delegas S-ron Van der Biest por reprezenti la Belgan esperantistaron ĉe la Barcelona kongreso. Ĝi elektos S-ron Richardson kiel duan delegiton.

Kiel komitatanojn,deligitojn de la ĝenerala kunveno,unuvoĉe oni reelektas la ses nunajn delegitojn, kies mandato finiĝos la 15an de Novembro 1910.

Oni decidas ke la 2a belga kongreso okazos en Bruĝo dum la Pentekostaj festoj, la 15an kaj 16an de Majo.

Post kelkaj dankvortoj de la prezidanto al la kunvenantaro, la kunsido disiĝas je la 13a horo.

### B. Raporto pri la esperantista movado en Belgujo dum la jarperiodo 1909-1910

Gesinjoroj,

Laŭ la art. 12a de la regularo de la Ligo, mi havas la honoron raporti pri ĝia agado dum la lasta jarperiodo kaj konigi al vi la staton de la esperantista movado en nia lando.

La ĝenerala kunsido okazinta en Verviers dum la junia monato, ree montris la vojon laŭ kiu la direktanta komitato devas okupi sian agadon. Tiun vojon, la saman kiel dum la antaŭa periodo, la komitato fidele laŭiris ne sin okupante pri aliaj demandoj.

Je la junia monato lasta, la Ligo enhavis 20 aliĝintajn grupojn. Sed novaj societoj petis sian aliĝon, kiu estis akceptata ; tamen unu grupo, aginte kontraŭ la principoj de la Ligo, estis eksigata de la direktanta komitato. La nombro da aliĝintaj grupoj estas do hodiaŭ 26.

En la limo de siaj monrimedoj la komitato sin okupis daŭrigi en la diversaj societoj la vivon kaj agemecon, sed plej bedaŭrinde, tiuj rimedoj ne ebligis al ĝi fari ĉion kion ĝi deziris ; tamen, kiel oni tiuj vidos, la ara rezultato estas bona.

Tre grava punkto estas ke la komunumaj estraroj el diversaj lokoj sin montris pli kaj pli favoraj al nia afero, ĉu donante helpmonon, ĉu permesante senpage la uzadon de la publikaj lernejoj. Eĉ tri skabenoj de la publika instruado, Sro Spinhayer el Verviers, Sro Schramme el Bruĝo kaj S-ro Cocq en Ixelles, akceptis la titolon de honora membro de la Ligo.

Pli altaj aŭtoritatuloj ankoraŭ apogas niajn klopodojn ; la provincestro de Okcidenta Flandro, Lia Moŝto Barono Ruzette-van Caloen de Basseghem, kaj la urbestro de Mehleno, S-ro Dessain, akceptis la saman titolon. Al ĉiuj ni sendas la esprimon de nia danko pri la grava helpo donita al nia movado.

Ĉar pro privataj motivoj, Sro Mourlon eksiĝis, la nombro da honoraj komitatanoj estas nun 13.

Je la decembra monato, laŭ decido de la komitato, la Ligo dissendis al la belga gazetaro deklaracion pri la malhonesta uzado farita de kelkaj personoj de la nomo «Esperanto». Diversaj organoj enpresigis tiun deklaracion.

Je la januara monato, la komitato estis devigata publikigi broŝureton kaj sendi ĝin al ĉiuj belgaj esperantistoj por rebati la atakojn kontraŭ Esperanto, publikigitajn en cirkulero, dissendita de iu grupo kiun la Ligo devis eksigi.

La belga gazetaro daŭrigas sian favoran apogon al niaj ideoj : pri tio, ni sendas al ĝi la esprimon de nia danko.

La komitato faris novan regularon pri la ekzameno por akiri la diplomon pri profesora kapableco, tiasence, ke oni povas akiri diplomon nur pri kapableco, kiam la kandidato ne intencas instrui.

Laŭ speciala raporto vi scios ke la 8an de tiu ĉi monato, okazis en Bruselo la jara ekzameno por akiri la diplomon pri profesora kapableco. Kvin gekandidatoj sin prezentis kaj ĉiuj plene sukcesis. Gratulante ilin, ni esperas ke la proksiman jaron la kandidatoj estos pli multnombraj.

Sufiĉe nombraj estis la belgaj esperantistoj kiuj partoprenis la Barcelonan kongreson ; ili montras al niaj eksterlandaj samideanoj ke en nia lando la fervoro por Esperanto ne malpligrandiĝas.

Preskaŭ ĉiuj grupoj festis solene la dekkvinan datrevenon de la naskiĝo de nia kara Majstro, kaj multaj estis la gratuloj senditaj al li el ĉiuj lokoj de la lando. La komitato de la Ligo ne preterlasis partopreni tiun elmontron de simpatio.

Kiam ni ekzamenas la raportojn senditajn de la aliĝintaj grupoj, ni rimarkas ke dum la vintra sezono 43 kursoj estis organizataj kaj ke pli ol 800 lernantoj enskribiĝis.

Ni rememoras ke la lastan jaron la nombro da kursoj estis nur 26. La progreso estas do tre grava.

Dudek-tri grupoj sendis raporton pri sia agado ; el tiuj raportoj ni devas konkludi ke ĝenerale la movado pligrandiĝas ĉie.

Inter la plej agemaj societoj estas cele citinda la Lieĝa grupo, kiu ekvekiĝis kaj tre kontentige progresas. Antverpeno, Beyne-Heusay, Boom, Bruselo, Gento, Verviers, Willebroek, laboradas tre ageme.

Ni devas ankaŭ citi la kursojn organizitajn por la Ruĝaj-Krucanoj ; en Berchemo plensukcesa kurso okazis, same en Antverpeno (unu por virinoj kaj unu por viroj.)

Ni avokas sur tion la atenton de la aliaj grupoj por ke ili laboradu samsence.

La Verviersa kongreso donis certe novan fortecon al la belga esperantista vivo ; kaj la akcepto preparata de niaj Bruĝaj amikoj estas la antaŭludo de la tutmonda kongreso, okazonta en Antverpeno la proksiman jaron.

Konklude ni diros ke iom post iom la belga esperantista movado, ĉiujare enradikiĝas pli profunde, malrapide eble, sed certe. Car oni scias, ke la arboj kiuj produktas la lignojn la plej belajn kaj la plej fortajn estas tiuj, kiuj kreskadas plej malrapide, kun fido oni povas rigardi la estontecon kaj diri al la novaj varbitoj : laboru, laboradu, per konstantaj klopodoj vi venkos. *(Aplaŭdoj).*

S-ro **O. Van Schoor**, kasisto, legas la jenan raporton pri la financa stato de la Ligo :

Estimataj Gesamideanoj,

Laŭ kutimo kaj ordono de nia liga regularo, mi prezentas al vi dum tiu ĉi ĝenerala kunveno, la raporton pri la stato de nia kaso. Bonvolu do, dum nur kelkaj minutoj, dediĉi al mi vian atenton.

Mi scias ja ke ciferoj estas ĉiam iom sekaj, sed mi aldonas aliflanke, ke malgraŭ sia sekeco, ili tamen estas elokventaj pro la sciigoj kaj instruoj kiujn ili enhavas.

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| En kaso je la komenco de la nuna liga jaro' | fr. 353,04 | Korespondelspezoj | fr. 81.75 |
| Personaj kotizoj | 6.— | Abono de revuo por la 10 honoraj membroj | 30.— |
| Grupaj » | 122.— | Broŝuro : Respondo al la cirkulero « Pioniro » | 531.— |
| Enspezoj ekzameno. | 50.— | Elspezoj ekzameno | 40.— |
| | 531.04 | Kunvenejo de la 1a kongreso | 20.— |
| Ankoraŭ pagotaj grupaj kotizoj : | | Konto Casie presaĵoj | 32.50 |
| Berchem fr. 15 | | » cirkuleroj | 21.— |
| Namur 5 | 20.— | » presaĵoj | 2.— |
| | fr. 551.04 | Kotizaĵoj de la Mondkongreso de de Internaciaj Unuiĝoj | 50.— |
| | | Presado cirkuleroj (Vlijt) | 10.— |
| | | » poŝtkartoj | 13.— |
| | | | fr. 453.25 |

**Bilanco**

| | |
|---|---|
| Enspezoj | fr. 551.04 |
| Elspezoj | 453.25 |
| Profito | fr. **97.79** |

Kiel mi diris antaŭ ol legi la ciferan parton de tiu raporto, ciferoj kaj kalkuloj estas tre ofte elokventaj pro la grandaj kaj profundaj instruoj kiujn ili enhavas.

Tiel el la nuna raporto estas evidente videble ke la mona enhavo de la liga kaso estas ankoraŭ pli malgranda tiun ĉi jaron ol la pasintan. Jam dum la kongreso de Verviers mi vokis la atenton de la ĉeestantoj sur la fakton, ke la enspezoj de la ligo estas pli malgrandaj ol la elspezoj. Tia budĝeta stato kondukas ĉiam certege al la bankroto se ne la interesatoj prenas aliajn pli bonajn decidojn.

Dum la pasinta jaro la Ligo decidis ke oni starigos la *Soldon por Esperanto*. Tiu tute frata partoprenigo de ĉiuj samideanoj en la enspezoj de nia Belga Ligo jam estas enkondukita en multajn grupojn kaj ni esperas ke baldaŭ ĉiuj samideanoj el nia landa komprenos la gravecon de tiu ĉi institucio, kaj sen serĉado de kontraŭaj argumentoj ĉiuokaze donos sian soldon por la organizo de nia belga esperantista movado.

Ankaŭ aliaj rimedoj estas uzeblaj, sed la ĉefa estas ĝis nun la *Soldo por Esperanto*. Se la tuta samideanaro tiun institucion tutkore akceptas, apogas kaj praktikas, malgraŭ la malgrandeco de ĉiu monereto donacata por la bona afero, la fina rezultato estos mirinda. Oni nur memoru la versojn de nia kara majstro :

« Eĉ guto malgranda, konstante frapanta,
Traboras la monton granitan. » (*Aplaŭdoj*).

S-ro **A. J. Witteryck** legas la jenan raporton rilate al la ekzameno pri profesora kapableco, okazinta en Bruselo, la 8an de majo 1910.

Altestimataj Gesinjoroj,

Mi havas la honoron prezenti al vi malgrandan raporton rilate al la ekzameno pri profesora kapableco, okazinta en Bruselo, la 8an de majo.

La membroj de la juĝantaro estis S-roj Fr. Swagers, D-ro W. Van der Biest kaj mi mem, funkcianta kiel prezidanto.

La skriba ekzameno konsistis el :

**A. Traduko** en Esperanton. Priskribo de la urbeto La Roche (13 linioj).

**B. Traduko** en nacian lingvon. Aspekto de Anglujo (14 linioj).

**C. Letero.** Invito por ĉeesti la Bruĝan kongreson.

La parola ekzameno enhavis la jenan :

**A. Legado.** *La tutkora donaco.* Demandaro pri la teksto kaj la gramatikaj malfacilaĵoj.

**B. Instruado.** Uzado de l'akuzativo.

Kvin gekandidatoj sin prezentis ; ĉiuj meritis la diplomon.

Jen iliaj nomoj :

**F-ino Maria Moreau** (Bruselo), — **F-ino Leona Solvyns** (Antverpeno ; — S-roj **Raymond Leseul** (Antverpeno), — **Fernand Mathieux** (Bruselo) — kaj **Louis Van Aubel** (Lieĝo).

Mi estas feliĉa rediri, je l'nomo de la juĝantaro, la plej sincerajn gratulojn kiujn mi jam esprimis al ili, la lastan dimanĉon, konigante la rezultaton de la ekzameno. *(Aplaŭdoj.)*

La gelaŭreatoj ricevas sian diplomon de la Prezidanto, kaj F-no **Moreau** esprimas, je ilia nomo, plej sinceran dankon al la juĝantaro.

S-ro **Van der Biest**, prezidanto. — Gesinjoroj ! Mi atentigas vin pri tio ke flanke de la ekzameno pri profesora kapableco, la B. L. E. starigis ekzamenon sen didaktika parto, kies enskribprezo estas 2 Sm. ; tiu de la ekzameno pri profesora kapableco estas Sm. 4.

La juĝantaro kuniĝos en ĉiu urbo, kie minimume 10 kandidatoj sin prezentos.

Mi konsilas al ĉiuj estraroj de grupoj ke ili konigu al siaj kungrupanoj, je la komenco de la kursoj, ke post kelkaj monatoj ili povos partopreni en ekzameno kaj akiri diplomon. Mi opinias ke tio estos potenca stimulilo.

Pri la dirita ekzameno oni bonvolu legi la aprilan numeron de *Belga Esperantisto.*

S-ro **Frans Swagers**, el Antverpeno, faras la jenan rimarkindan paroladon pri la temo « Esperantistoj, vi kantu ! »

Altestimataj Gesinjoroj !

Sendube, hodiaŭ matene la unua penso de la ĉi tieaj Esperantistoj estis : Ĉu ni havos belan veteron por nia nacia kongreso?

Ĉar longdaŭre ni ĉiuj deziregis pri tio.

Kaj, vidu ! ŝajnas ke tie supre oni volis plenumi nian deziron. Admiru do la bluan ĉielon, la radiantan sunon ! Jen estas vere printempa vetero, printempo estas super kaj ĉirkaŭ ni, printempo estas en ni !

« Ho printempo, juneco de l'jaro,
Ho juneco, printempo de l' vivo ! »

* * *

En bela printempa tago, dum promenado sur la kamparo, la koro, eĉ tiu de malgajemulo, tute revivas, tial ke la rejuniĝinta tero banas en la brila heleco de viviga suno, tial ke ĉie la okuloj ripozas sur brilaj floroj kaj freŝa verdaĵo, sur la dolĉa koloro de l'espero, — la koloro de Esperanto ! — tial ke ĉie la okuloj ĝuas la dolĉajn kantojn de la birdoj kaj insektoj,

aŭdas senĉese la himnon de la naturo al la vivo, de la vivo al la naturo.

Neniel mirinde ke, kiam la homoj estas revenintaj vespere al la grizaj stratoj kaj la malnovaj, malhelaj domoj de la urbo, ili ne povas decidi sin vivi sen tia granda heleco, sen tia kuraĝiga verdaĵo, sen tia gajigaj kantoj ! Ili ekbruligas artefaritajn lumojn, kiel gaso, oleo, — lasttempe ili sukcesis produkti kvazaŭ sunan helecon per elektra lumo. Ili plibeligas siajn loĝejojn per verdaĵo kaj floroj. Ili daŭrigas kanti, ili resonigas la domojn per siaj kantoj, ili plibeligas sian vivon per muziko...

* * *

La kanto estas tiel natura kiel la parolo : la kanto ankaŭ estas tiom maljuna kiom la homa kreitaĵo mem. Jam en la pratempaj epokoj, la homo trovis ke en sia interno estas eĥo por la miloj da sonoj de la naturo. Estas certe ke Adamo kaj Evao en la paradizo kantis ; kaj tre lertaj filologoj asertas ke komence la parolo estis kanto.

Estas kantante siajn suferajn mizeretojn ke la infano aperas sub la lumo. Estas kantante apud lia lulilo, ke la patrino ekdormigas sian fileton. Estas kantante la kanton de l'amo, la veran kanton de la vivo, ke la gejunula paro trapromenas la kampojn kaj l'arbaron. Ĉe ilia geedziĝo, oni kantos. Kaj eble, oni kantos fine ankoraŭ sur la vojo kiun iliaj mortintaj korpoj laŭiros al la tombejo en la freŝa tero....

La kanto estas la bildo de la vivo, kaj oni vivas pli bone kantante. Jam nia granda nederlanda poeto Bilderdijk ekkriis :

Wie is er die ons 't lied verbiedt !
Slechts de boozen zingen niet.
(Kiu al ni la kantadon malpermesas ?
Nur la malbonuloj kantas ne).

Kaj samsence germana kanto konsilas :

Wo man singt, da lasst euch fröhlich nieder.
(Kie oni kantas, tie ĝoje eklOĝiĝu.)

* * *

Kial ne, de la plej antikvaj tempoj, oni konas kinematografilon kaj fonografilon ? La historio estus rakontata videble kaj aŭdeble, kaj, dum mia nuna parolado, vi travivus kun mi la vivplenan historion de la kanto.

Sur la blanka tuko mi montrus al vi la gravajn egiptajn ekleziulojn, kiuj marŝis procesie al la temploj kun bildekovritaj muroj, dum ili kantis dolĉajn misterajn melodiojn.

Ĉe la hebreoj, vi vidus ke en sia palaco la reĝo Saul'o kantis kaj ludis la harpon ; ke lia posteulo Da/id'o ne nur kantis, sed verkis mem belegajn kantojn.

Speciala fakto montrus al vi la fortan efikon de la kanto ĉe la grekoj. Kiam la Spartanoj militis kontraŭ la Mesenanoj kaj petis la Atenanojn sendi al ili generalon, tiuj de Ateno forsendis al Sparto malfortan viron, nomata Tirteo, kiun la

Spartanoj unue mokis. Sed tiu viro estis poeto kaj verkis tiajn entuziasmigajn kantojn, ke per ili li kondukis la Spartanojn al la venko. En tiu sama ŝtato Sparto oni instruis la geknabojn per kantoj. Plie, multe el vi scios ke, dum la famaj olimpaj ludoj la plej grandaj grekaj poetoj konkurse kantis antaŭ la tuta popolo kunveninta.

Kaj vidu tie ĉi, en Galujo kaj Germanujo : ĉu ne en siaj densaj arbaroj niaj praavoj entuziasmiĝis per la fajraj kantoj de siaj solenaj druidoj kaj bardoj ?

Jen, ĉe la nordaj popoloj, Skaldo kantas antaŭ jarl'o aŭ reĝo la heroajn faktojn de la reĝaj avoj. Kaj la reĝo demetas sian orkovritan mantelon por kovri per ĝi la ŝultrojn de la poeto... Ĉie, en la antikva mondo, ni do povas juĝi pri la forteco de la kanto.

* * *

Sed kiom granda estis la rolo de la kanto dum la mezepoko ! En Anglujo la « minstrel'oj » ĝuis multajn rajtojn. La kasteloj kaj ŝtonegoj de Skotlando resonis per la kantoj de Ossian. Wales lasis al ni la plej delikatajn naturkantojn de « Welsh harp».

Hispanujo glorigis en mil kantoj la heroecon de la « Cid », Francujo havis siajn « trouvères », Italujo siajn « trobadori ». En nia lando la duko de Brabant'o, Johano Unua, protektis la kantistojn kaj verkis mem plej dolĉajn amkantojn.

Rimarku : tie ĉi, en Bruĝo mem, la rozaj buŝoj de tiuj belulinoj, « kiuj estis vestitaj kiel reĝinoj », kantis kantaron kiu restos eterne trezoro en la historio de la muzikarto :

— Heer Halewijn sanc een liedekijn,
Al wie dat hoorde wou bi hem sijn.
(Sinjoro Halevajn'o kantis kanteton,
Ĉiu kiu tion aŭdis volis apud li esti).
— Ik stond op hooge bergen.
(Mi staris sur altaj montoj).
— Van twee koningkinderen.
(Pri du reĝidoj).
— Het daghet in het Oosten,
Het lichtet overal.
(Tagiĝas en Oriento,
Lumiĝas ĉie)
— Naar Oostland willen wij rijden.
(Al Orientlando ni volas veturi). — k. t. p.

* * *

Sed ne estus eble al mi rakonti en tiu ĉi momento la historion de la kanto. Mi nur volas ankoraŭ insiste montri la valoron de la kanto kiel propagandilo.

En ĉiu tempo, ĉiu religio komprenis la forton de la kanto, kiu provas esprimi la plej altajn homajn sentimentojn. Ĉiu religio per kantoj honoris sian dion aŭ diojn.

Estis kantante siajn himnojn, ke la unuaj kristanoj en Romo propagandis sian religion kaj kontraŭstaris la idolanojn ; kantante, ili trovis la forton por suferi siajn turmentojn, kiam ili marŝis al la morto perflama aŭ perbesta.

En la deksesa jarcento, dum la reforma tempo, Sinjoro Willem van Zuylen van Nijeveldt eldonis sian kantaron « Soter Liedekens » kiuj estis la Davidaj Psalmoj, kantotaj laŭ la plej konataj popolaj kantoj. Tiu ĉi kantaro, en la jaro 1540a sola sesfoje presita, defendis la katolikan religion ; ĝi ĝuis ĉie grandegan sukceson.

Sed ne malpli grandan sukceson rikoltis poste la kontraŭstaranta kantaro « De wijze Sproken van Jezus den Zone » eldonita de Fruytiers, sekretario de la princo de Orango, kies kantojn la reformistoj sonigis eĉ en la flamoj de la ŝtiparo.

Ho, kiu priskribos la propagandan forton de la Luther'a kanto « Ein feste Burg ist unser Gott, » de la nederlanda kanto « Wilhelmus van Nassauwen », kiuj ambaŭ incitis la popolamasojn al la revolucio ?

Kaj kiu ne sciiĝis pri la entuziasmo, kiun ekbruligis ĉirkaŭ la fino de la 18a jarento en la koro de ĉiu franco la fama « Marseillaise »?

Nuntempe ankoraŭ, ĉu ne estas la kanto kiu kunigas la anojn de sama ideo politika aŭ alia, kaj kiu fortigas kaj agrabligas iliajn kunvenojn?

* *
*

Certe, la kanto estas fortiga, do tial ankaŭ utila. Plie, ĝi estas agrabla. Pri tiu agrableco, unu vorton mi volas diri.

Vi scias ke Germanujo estas la vera lando de la kanto, de la bela kanto. Ni devas citi la fakton ke preskaŭ ĉiu germana familio posedas grandan kantaron, nomatan «Kommersbuch», enhavantan multe da centoj, ĝis 1000 kantojn, el kiuj ĉiu germano almenaŭ konas kelkajn dekduojn. Nu, en Germanujo, nenia festo, ĉu familia, ĉu societa, ĉu nacia, okazas sen kantoj ĉe la fino. Kaj, ke la melodioj estas vere belaj, forlogantaj, tion mi provis pruvi per la germanaj kantoj en mia kantareto, kiun oni publikigis por disvastigi la kantojn inter la Esperantistoj.

* *
*

Nun, gesamideanoj, mi alvenas ĉe miaj konkludoj.

Esperanto etendas sin sur la tuta mondo. Kiel ĝi la muziko estas artefarita internacia lingvo. Ni admiras de niaj najbaroj la pentraĵojn, skulpturaĵojn, la versaĵojn, rakontojn, k. t. p. Kial ni ankaŭ ne eklernus iliajn plej belajn kantojn ? Kial limigi tian lernadon ĝis nur la germanoj kaj la francoj ? Por ni la fremda lingvo en la kanto neniel estas malhelpo.

Al ni, Esperantistoj, la grava kaj gaja tasko eklerni kaj ekkonigi, disvastigi la kantojn de ĉiu popolo ! Jam ni faras tion, kion ne-esperantistoj ne povas fari : ni rilatas kun ĉiu civilizita popolo de l'mondo.

Nu, ni invitu niajn fremlandajn samideanojn traduki por ni siajn plej agrablajn kantojn kaj sendi la tekstojn kun la muziko al ni : ni interŝanĝu la popolajn kantojn !

Ni unue ne elektu naciajn, patrujemajn, tro ofte militemajn kantojn. Ili ne taŭgas por nia celo : Esperantismo, per sia propra karaktero, rangigas la homamecon, la pacemon, la internaciecon antaŭ la militemo, la nacieco. Ni ankaŭ ne elektu malgajajn kantojn, ekz. kanton pri «Ploroj falantaj sur la tombejon de iu begineto». Ne, la vivo estas tro mallonga ; kantante, ni ne lernu plori, ni lernu ridi, ni lernu vivi sane kaj gaje ! Eĉ ĉe malgajaj cirkonstancoj ni devas memoriĝi pri la jenaj versoj de Alfred de Musset :

«Quand on perd, par triste occurrence,
Son espérance
Et sa gaîté,
Le remède au mélancolique,
C'est la musique
Et la beauté. »

* * *

Do, la popoloj interŝanĝu siajn plej belajn kantojn. Tiamaniere estos farebla, iom post iom, grandega belega *kantaro universala* !

Kantante la plej belajn melodiojn de niaj fremdlandaj samideanoj en niaj koncertoj, ankaŭ en ne-esperantistaj festoj, ĉe ĉiu bona okazo, ni altiros la atenton de la ne-esperantistoj al nia grava laboro.

Plie, la internaciaj kongresoj iĝos vere hejmoj per ĉiu, ĉar ĉiu aŭdos dum ili ankaŭ kantojn el la patrujo, kiujn la fremdlandanoj tre ŝatos kaj kantos kun plezuro. Mi jam faris la eksperimenton, sendante unu el miaj esperantistaj kantoj al gasto tablanoj esperantistaj de Bilbao, kiuj tuj petis min sendi aliajn kantojn.

Ni komencu tiun grandan laboron por niaj naciaj kongresoj. La valonaj fratoj konigu al ni siajn plej belajn popolajn kantojn kaj precipe siajn plej gajajn « kraminjonojn », ni donu al ili niajn fortajn kaj dolĉajn flandrajn kantojn. Tiamaniere, la interfratiĝo dum la kongresa iĝos ankoraŭ pli gaja, pli vera.

En ĉiu esperantista kunveno, kantu ! Post ĉiu grava laboro, ni kantu ! Ĉe ĉiu ekskurso, ni kantu, ni kantu !

La vivo estas tiom mallonga, tiom zorgplena ! Ke la kanto alportu sunajn radiojn en niajn esperantistajn hejmojn, ke la kanto helpu nin en nia grava tasko, ke la kanto konduku nin al la venko !

Esperantistoj, vi kantu !

*(Entuziasmaj kaj senfinaj aplaŭdoj salutas la oratoron).*

S-ro **Louis Van Aubel**, el Lieĝo, parolas pri la subjekto : Esperanto inter la junularo.

Estimataj Gesinjoroj,

Estus stranga vidaĵo se, en iu alia grava kaj multnombra kunsido, junulo farus paroladon. Sed tie ĉi, en esperantista kunveno, neniu pri tio miras ; tio estas sendube ĉar kvazaŭ la tuta Esperantismo estas juna movado.

Tiun junecon ni konstatas en ĝiaj signoj, en ĝiaj partianoj, en ĝiaj karaktero :

Ĉu la stelo kaj la verda flago ne montras esperon, kiu estas junula virto ?

Ĉu ni ne trovas ĉie junulojn inter la esperantistoj ? Nia Majstro mem estis juna kiam li naskis Esperanton.

Ĉu la karakterizaj ecoj de ĉiu esperantisto ne estas entuziasmo, fervoro kaj plena sindono al sia ideo ? Kaj, laŭ tiu vidpunkto, ĉu ni ne estas ĉiuj junaj, se ne korpe, almenaŭ spirite ?

Vi permesos do ke mi parolu al vi pri temo kiun junulo povas iom koni : la propagando de Esperanto en la junularo.

Nuntempe, tiu demando estas en ĉiu lando pristudata, ĉiuflanke tiu movado ricevas kuraĝigojn, apogojn, kiuj pruvas ke niaj samideanoj konscias, ke propagandi Esperanton inter la junuloj estas unu el la rimedoj, kaj ne la plej malgrava, por solvi la demandon pri internacia helplingvo.

La faktoj mem montras kiom grava estas la varbado de junuloj por triumfigi iun grandan ideon.

Ĉu ni ne vidas ke la politikaj partioj ĉie klopodas por altiri al si la junulojn, ke en ĉiuj landoj, la demandoj pri popolinstruado naskas akrajn batalojn, ke ĉiuj volas estri la lernejojn por edukadi la infanojn laŭ siaj ideoj, laŭ sia religio, laŭ sia lingvo ?

Kaj tiuj klopodoj estas naturaj, ĉar la junuloj estas la estonteco : bedaŭrinde, la homoj ne estas eternaj kaj movado kiu ne volas estingiĝi samtempe kiel la hodiaŭa generacio, varbas al si la morgaŭan.

Tial nia movado ankaŭ, la Esperantismo, kiu volas esti daŭra, kiu celas kovri la mondon, faros ĉiam en siaj vicoj lokon por pli junaj batalantoj kaj rezervos tiel al si senfinan reproduktadon.

Sed, krom tio, la junuloj estas nun jam bonegaj helpantoj kaj ni varbas ilin ne nur por estonta agado. Sur ĉiuj kampoj ni ilin renkontas : iuj sin okupas pri nia literaturo, multaj estas sekretarioj de niaj grupoj, kelkaj eĉ estas profesoroj : sed ĉiuj estas propagandistoj, kaj kiaj propagandistoj ! Flamaj, entuziasmaj, ili dubas pri nenio. Ilia mallonga sperto de la vivo ne ankoraŭ montris al ili la homan apation por la novaj ideoj, kaj ne konante la skeptikecon «rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante, ili iras la vojon celitan».

Jen kiaj estas la junuloj kaj certe, moderataj de la prudento de pli aĝaj, ili de nun grave helpos la esperantan agadon.

Se, vere, la junuloj povas ludi tiom gravan rolon en nia afero — kaj neniu pri tio dubas — ĉiuj konfesos ke estas necese krei seriozan poresperantan movadon en la junulaj sferoj.

Sed ne sufiĉas ke ni konsentu pri tiu ĝenerala celo, se ni ne iom priparolus la rimedojn por ĝin atingi.

Kia rimedo estus la plej efika por disvastigi Esperanton en la junularo ?

La plimulto tuj respondos : « estas instruigi Esperanton en la lernejoj». Laŭ mia opinio, tio ne estas rimedo, sed tio supozas jam la finan solvon de la esperantista movado. Kial ? Tial ke oni nur tiam instruos nian lingvon en la lernejoj, kiam ĝi estos ĉie akceptita kiel oficiala internacia lingvo. Nun, en kelkaj lernejoj oni permesas la instruadon de Esperanto kvazaŭ sendanĝeran intelektan sporton, kaj tiu situacio ne ŝanĝiĝos ĝis kiam la lernejestroj klare vidos ke oni povas egale profituzi la esperantan lingvon kiel la anglan aŭ la germanan.

Ni devas konfesi ke nia afero ne ankoraŭ atingis tiun gradon de disvastiĝo kaj tial ni forlasu, almenaŭ nun, la utopion instruigi Esperanton en ĉiuj lernejoj.

Ni supozu eĉ, ke, malgraŭ la nuna stato de Esperanto en la mondo, oni povus ĝin instruigi en la lernejoj. Ĉu tio sufiĉus por krei seriozan esperantan movadon en la junularo ? Mi opinias ne. Jen kial : Nuntempe, la plej granda forto de nia movado troviĝas en tio kion oni nomis la internan ideon de l'Esperantismo, tiu animo komuna al ĉiuj niaj samideanoj, kiu faras ke ŝajne scienca afero fariĝas preskaŭ religio. Ni ne povas konsideri la Esperantismon kiel simplan lingvan demandon, ĉar lingva sistemo ne sufiĉus por allogi la homojn kaj precipe por ilin konservi en niaj vicoj. Tio kio faras ke esplorinte la esperantan aferon oni tuj ĝin amas kaj sin donas al ĝi, tio estas tiu interna ideo kiu vekas entuziasmon kaj propagandemon, kiu ekscitas al frateco kaj al homamo.

Tiu profunda signifo de nia afero nur praktike lerniĝas kaj tial devas esti io plie ol sekaj lecionoj de lerneja kurso kiujn la junuloj jam sufiĉe havas. Esperanto devas sin prezenti al ili alie ol kvazaŭ nova tasko plie ol la ceteraj. Kursoj do ne sufiĉos por nia celo, ĉar tio liverus al la junuloj.... nur teorian lingvan konon, kiun ili ne pli ŝatus ol la latinan kaj la grekan lingvojn.

Ni serĉu do alian rimedon ol kursoj por almiliti la junularon, kaj oni sin demandas eble ĉu la esperantistaj grupoj ne povus entrepreni tiun taskon.

Ni devas respondi, ke, ne pli ol profesoroj, niaj ordinaraj grupoj sukcesos organizi tiuspecan seriozan propagandon: Unu gravan parton de la junuloj ili tute ne povus atingi, t. e. la internaj lernantoj aŭ pensiuloj. La ceteraj estus ankaŭ tre malfacile varbeblaj, precipe ĉar maturaĝuloj faras al ili propa-

gandon, ĉar ili timas aliĝi al grupoj kiuj estas tute alia mezo ol studenta kamaradaro kaj kie estas nur malmultaj junuloj.

Efektive ni ne forgesu ke propagando vere sukcesas nur se ĝi estas direktata de similuloj al similuloj. Tion pruvas la sperto : ĉu vi mem ne prefere turnas vin al amikoj kaj konatuloj, al homoj el via mezo, por ilin varbi, tial ke vi estas pli influaj je ili, tial ke vi pli bone scias kiaj argumentoj ilin trafos ?

Scienculo ordinare ne taŭgos por propagandi en komercaj rondoj kaj komercisto ne speciale varbos oficirojn.

Ni provas apliki tiun principon al nia problemo kaj konkludi : apud junuloj ekzistas neniuj pli taŭgaj propagandistoj ol la junuloj mem.

Sed se malgraŭ tio la junuloj aliĝus al la ordinaraj grupoj, oni tamen ne povus per tiuj grupoj organizi serioze propagandon en la junularo. Efektive, junaj membroj de iu societo kiu celas propagandi apud ĉiuj ajn personoj, devus partopreni en tiu ĝenerala agado, en tiuj pluraj celoj de la grupo. Ili ne povus dediĉi sian tutan tempon nur al tiu agado kiu plej taŭgas por ili, t. e. la propagando apud siaj similuloj. Ĉu ne estus pli bone se ĉiu klopodus en la mezo kie li pli bone sukcesos ? Certe ! kaj tio estas la principo de l'divido de la fortoj, esprimita en la proverbo : « Kiu troe ĉirkaŭprenas, malbone premas ».

Ni ebligu do ke ĉiu laboru nur en sia speciala sfero, kaj ke la junuloj agadu inter siaj samaĝuloj.

Ĉar ĉiu propagando fariĝas per kunigo de ĉies fortoj, per asociado, ĉar ni ne akceptis por la junuloj la ordinarajn grupojn, restas nur unu solvo, kaj mi opinias ke ĝi estos tute taŭga : grupigi la junularon en specialajn memstarajn societojn.

Ĉu estas necese klarigi kial memstaraj organismoj estos la plej utilaj ? Mi nur citos kelkajn profitojn de tia aparta organizado. Kiam ili sin sentos solaj por estri siajn societojn, la junuloj akiros per tio multprezan iniciatemon ; ilia respondeco pri la aferoj, kiujn ili mem entreprenos, rajte fierigos ilin kaj ilin ekscitos por atingi pli kaj pli belajn rezultatojn. En siaj societoj, ili lernos la propagandon propagandante, ĉar « forĝante oni iĝas forĝisto», kaj tiu sperto junaĝe akirita estos certe fruktoplena. Fine, ĉar la junuloj havas pli da tempo ol aliaj kaj estas preskaŭ ĉiuj lernantoj, ili provos ankaŭ pli perfekte lerni nian lingvon, eĉ kulturi nian literaturon. Tion ne povos fari egale bone la maturaĝaj.

Facila ankaŭ estos la efektivigo de tiuj belaj projektoj, ĉar ni havas tute pretan modelon : imitante ĝin ni certe sukcesos. Mi parolas pri la *Franca Federacio de la Junaj Esperantistoj*.

Kvankam de longe ekzistis kelkaj junulaj societoj, kaj ĉie troviĝis junaj esperantistoj, la Franca Federacio estis la unua provo por kunigi tiujn apartajn erojn kaj organizi sisteman propagandon en la junularo. Tiun projekton, nun

plene efektivigitan,ni ŝuldas al juna studento: Ferdinand Duviard. Kompreninte kiom grava estus la varbado de junuloj al nia afero, li ekhavis la ideon almiliti al Esperanto la francan junularon. Ĉar li fondis dum la jaro 1908-a licean grupon en Parizo, li estis lerninta per praktika agado kiamaniere oni esperantigas liceanojn kaj sperte konvinkiĝis ke la junularo estus varbita nenie alie ol per la junuloj.

Helpate de siaj kamaradoj de la grupo de l' Liceo *Henri IV*, Duviard klopodis dum la lasta jaro por fondi vastan federacion kiu fortigus la izolajn grupojn ilin unuigante, kiu starigus societojn kie ili ne ankoraŭ ekzistas, kaj kiu ekscitus ampleksan esperantan movadon tra la tuta franca junularo.

La 5an de majo 1909a, la grupo Henri IV dissendis enketan cirkuleron kiun respondis dek junulaj grupoj.

Unu monaton poste, la Federacio estis fondita kaj enhavis ok grupojn kalkulantajn cent-sesdek-sep (167) membrojn. Ni ne sekvos ĝian konstantan progresadon dum ĝia dekmonata vivo ; ni nur konstatu ke, laŭ la sciigoj de la lasta numero de *Juneco*, oficiala organo de la Federacio, tiu ĉi enkalkulas nun 20 grupojn kaj pli ol sescent (600) membrojn.

Tio pruvas ke la metodo de Duviard estas taŭga, ĉar la sukceso ĝin pravigis, precipe se ni rimarkas ke la nuna Federacio estas nur kerno, ĉirkaŭ kiu grupiĝos morgaŭ la soldatoj de la junula armeo.

En Britujo kaj Germanujo nuntempe ankaŭ fondiĝas similaj federacioj, pri kiuj raportas *British Esperantist* kaj *Germana Esperantisto* ; ni povas esperi ke baldaŭ ili sukcesos kiel en Francujo.

En nia lando oni ne ankoraŭ sisteme propagandis Esperanton en la junularo. En kelkaj urboj ni konstatas izolajn klopodojn, kaj la lasttempe aperinta *Belga Adresaro* konigas la ekzistadon de sep grupoj, respektive en Bruselo, Lieĝo, Melle, Peer, Saint-Trond, Tongres kaj Verviers. En Gento, kvankam ne ankoraŭ ekzistas grupo, niaj samideanoj Cnudde kaj Mast eldonas hektografiitan gazeteton per kiu ili propagandas inter siaj kunlernantoj.

Bedaŭrinde, nur en Bruselo, Gento, Vervierso kaj Lieĝo oni efektive agadas ; pri la aliaj grupoj oni neniam aŭdas, kaj oni povas iom suspekti ke ili nur ekzistas sur la papero. Tio estas komprenebla : ĉar junulaj societoj ofte ne havas pli ol dekvin aŭ dudek membrojn kaj konsistas precipe el lernantoj de sama instituto, povas okazi ke pro foriro de kelkaj anoj la grupo disfalas. Kelkfoje ankaŭ, vidante ke sia grupo ĉiam restos malgrava, la ĉefaj membroj forlasas la entreprenon.

Se tiuj izolitaj klopodoj estus kunigitaj per Federacio, tio certe ne okazus. Kvankam ili estus malmultaj en sia loka societo, la membroj konscios pri la forto de la nacia asocio al kiu ili apartenas, kaj sciante ke tiu asocio ilin helpos, ili

ne perdos kuraĝon. Per senĉesaj interrilatoj kaj ĝeneralaj naciaj kunvenoj, la vivo de la societoj iĝos pli vigla. Fine la estroj de la Federacio zorgos ke la ekzistantaj grupoj ne disiĝu, kaj grupigos la izolitajn junulojn.

Nia celo devas do esti la fondo de *Belga Federacio de la Junaj Esperantistoj*. Niaj francaj samideanoj montris ke la afero ne estas malfacila, kaj mi esperas ke nia kongreso ne disiĝos antaŭ ol tiu punkto estos almenaŭ principe akceptita.

En tiu tasko ĉiuj esperantistoj povas nin helpi kaj ni faras al ili alvokon por tio : ilia unua devo estas sciigi al ni la ekzistantajn junulajn societojn kaj la junajn esperantistojn kiujn ili konas. Plie ili devus, post la kongreso, admoni la junajn membrojn de siaj grupoj ke ili unuiĝu en junula societo kiu celus la propagandon inter samaĝuloj ; kaj se ili volas, kiam la proksiman jaron ni denove kongrese kunvenos, ĉiuj esperantistaj grupoj havos sian junulan sekcion. Tiam ankaŭ, mi esperas, la *Belga Federacio de la Junaj Esperantistoj* en sia unua ĝenerala kunveno sin montros inda je sia patrino, la *Belga Ligo Esperantista*. (*Longaj aplaŭdoj*).

F-ino **Posenaer** (Antverpeno). — Mi tutkore aprobas la Esperantan movadon inter junuloj. Tiuj ĉi havas la tutan konfidon, la tutan fervoron de la juneco, kaj konsekvence, la persistemon por atingi la celon. En ĉiuj okazoj, kaj laŭ mia povo, mi apogos tiun movadon. Estas tial ke mi tutkore subskribis, por iaj laboremaj junuloj, la liberigon de la aĝkondiĉo por la partopreno en la lasta ekzameno. Mi sciis kiom ŝuldas al tiuj kuraĝaj junuloj la Esperanta movado en Lieĝo, kiel ili kvazaŭ sole revivigis la tutan tiean dormantan Esperantismon. La aĝkondiĉo por la ekzameno stariĝis kiel baro por ilia agemo. Mi opinias ke estus krimo je la Esperantistaro konservi pli longe tiun baron, kaj tial, je la venonta komitata kunveno de la Ligo, mi proponos ĝin forstreki el la regularo de la ekzameno, por ke ni, la komitatanoj de la Ligo, ne kreu novajn malhelpaĵojn por aliaj same kuraĝaj junuloj.

Por plifortigi mian diron pri la fortoj de la junularo, mi citos tie ĉi la vortojn de distinginda virino, sinjorino Annie Besant, la prezidantino de la granda filozofia asocio de la Teosofiistoj. Jen tio kion ŝi atendas de la junuloj :

« La grandaj ŝanĝoj de la homaro, por esti efektivigataj, precipe postulas la agadon de la junularo. Estas la junularo el ĉiu nacio kiu havas en si la ideojn de l'estonteco, kiu devas labori por la granda idealo, kaj kiu volas sin oferdoni por ĝia triumfo. Oni malpli ofte trovas ĉe plenaĝuloj tiun volon por sin oferi, sin doni tute al iu idealo. Estos do inter la junuloj kaj la junulinoj ke efektiviĝos en ambaŭ Eŭropo kaj Ameriko tiu idealo de ofero. »

Viĉ iuj konas la nomon de Edmond Privat, pri kiu fieras la Esperantistoj. Kiam li estis dekkvinjara, li ĉeestis la Bulonj'an

kongreson, kaj petis la permeson organizi la venontan kongreson en Ĝenevo, sia naskiĝa urbo. Deksesjara, li grandparte organizis kaj sukcesigis tiun kongreson. Poste li vojaĝis tra Eŭropo kaj Ameriko, kaj ĉie propagandis nian lingvon per fruktodonaj paroladoj. Li verkis librojn, li kunhelpis por la starigo de U. E. A. Nun li estas apenaŭ dudekjara, kaj li estas unu el la gloroj de la Esperantistaro.

Kaj ni, Antverpenanoj, ĉu ni ne havas en niaj vicoj junulon kiu estas unu el la plej agemaj belgaj propagandistoj? Ĉu li, post starigo de grupo en iu grava kvartalo de la urbo, ne fondis la grupojn de Mariaburg'o, Borgerhout, Boom kaj Willebroek? Mi parolis pri S-ro Schoofs.

Kaj je la sama okazo mi ne povas preterlasi citi nian junan prezidanton el Borgerhout, sen kies sindono nia grupo ne povus ekzisti.

La Amerikanoj pli bone ol ni komprenas la rolon de la junularo, kiam, por stimuli ilian fervoron, la komitato de la Sesa Kongreso aljuĝas premion, en la literatura konkurso, al la plej bona originala rakonto, verkita de junulo aŭ junulino, havanta de dekkvin ĝis dudek jaroj. Estas ekzemplo imitinda.

Do, ni Esperantistoj, ni apogu ĉiam kaj ĉie la klopodojn de la junuloj. Ni ĉiamaniere faciligu por ili la lernadon de Esperanto, kaj neniam kontraŭstaru ilian agemecon. Se ni ĉiuj eble ne tute interkonsentas pri starigo aŭ nestarigo de ligo, pri la neceso krei federacion por junuloj en Belgujo (mi mem pri tiu punkto respektos la vidmanieron de plikompetentuloj), se niaj opinioj eble iom malsimilas pri detaloj de organizado de tia federacio, ni tamen faru ĉion eblan por plikuraĝigi la movadon inter junuloj.

Kuraĝa junularo, propagandu Esperanton inter viaj kunuloj, inter viaj samaĝuloj; estas ja en iliaj manoj ke ripozas la estonteco; kunigu ilin, varbu inter ili niajn plej varmajn adeptojn; ĉiuj veraj Esperantistoj vin apogos laŭ sia povo. Ni multe, tre multe atendas de vi, mi plene fidas en via laboro, en via sukceso; sed permesu tamen ke, de temp' al tempo, nejunuloj donu al al vi konsilon, tute amikan, por utiligi vian laboremon, vian agemecon, laŭ la plej profitdona maniero por la granda, komuna celo! (*Longaj aplaŭdoj*).]

S-ro **Fr. Schoofs** (Antverpeno) invitas la ĉeestantaron aprobi la jenan proponon:

«La 2a Belga kongreso esperantista aprobas la starigon de esperantista ligo inter la junularo, kondiĉe ke tiu organismo ne disigu la esperantistajn fortojn kaj ne malhelpu al la ĝenerala movado.»

S-ro **Van Aubel** interkonsentas kun S-ro Schoofs, kies propono estas akceptata de la tuta ĉeestantaro.

S-ro **Delvaux** (Charleroi) esprimas la deziron ke le venonta kongreso okazu en lia urbo.

La grupoj *Laboro* (Borgerhout) kaj *Verda Stelo* (Antverpeno) proponas Antverpenon.

S-ro **Petiau** (Gento) apogas la proponon de S-ro Delvaux.

Fine la urbo Charleroi estas, per granda plimulto, akceptata kiel sidejon de la tria kongreso.

**La Prezidanto** legas leteron de S ro Otto Linse, ĝenerala sekretario de la *Varietea Esperantista Ligo,* por altiri la atenton de l'aŭdantaro sur tiun institucion kaj por inviti siajn samideanojn kiuj interesiĝas pri la afero, fariĝi konsuloj de tiu Ligo.

F-ino **Moreau** (Bruselo) komunikas, ke, okaze de la Ekspozicio, la urbo Bruselo starigis malkarajn dormejojn. Ĉiuj informoj estos haveblaj en la malnova tramatendejo, apud la komerca Borso.

S-ro **Pastro Richardson** komunikas ke kunveno de katolikaj esperantistoj, celanta la starigon de Katolika Ligo, okazos tuj post la kunveno.

S-ro **Van der Biest,** prezidanto. – Kvankam la starigo de ĉiu organismo, uzanta Esperanton estas laŭdinda kaj aprob·inda, mi bezonas deklari ke la dirita kunveno estas organizita ekster ĉiu interveno de la B. L. E., kies regularo malpermesas sin okupi pri politikaj aŭ religiaj demandoj.

S-ro **Van Aubel** siavice, kunvokas la junularon, ankaŭ por la fondo de ligo.

Laŭ artikolo 7a de la regularo oni elektas ses membrojn de la komitato, delegitajn de la ĝenerala kunveno. Estas : S-roj L. Champy (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), D-ro H. Dupont (Beyne-Heusay), Pastro Richardson (Bruselo), Fr. Swagers kaj O. Van Schoor (Antverpeno).

La kunsido estas malfermata je la 1a.

Tuj poste la gekongresanoj estas fotografataj en la korto de la provinca estrarejo.

## LA FESTENO

La granda koncerthalo en la strato S-ta Jakobo prezentis vere festan aspekton.

Verdaj girlandoj, intermiksitaj de kvinpintaj steloj, dekoraciis la murojn, kie ankaŭ paradis multego da flagetoj kaj ĉiuspecaj bonvenaj salutoj.

La tablo estis superflue ornamita per floroj kaj verdaj flagetoj ; la manĝkarto, artplene presita de S-ro Witteryck, estis redaktita jene : *Dua belga kongreso esperantista. Manĝokarto.* Rombfiŝo — terpomoj — vinsaŭco. Rostita lumbajo - legomoj. Malvarma kokidaĵo — salato. Pastaĵoj. Ananasoj — oranĝoj.

Baldaŭ la vasta salonego pleniĝas per multaj samideanoj, ilia nombro (300 !) eĉ multe superas tiun de la atenditaj gastoj.

Ĉe la honora tablo sidas S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la B. L. E., ambaŭflanke de li, Lia Barono Moŝto S-ro Ruzete-van Caloen de Basseghem, provincestro de Okcidenta-Flandro, kaj S-ro Generalo Sebert, ano de l' « Institut de France », — S-roj A. J. Witteryck kaj Pastro A. Richardson, vicprezidantoj de la B. L. E., — S-roj L. Champy, ĝenerala sekretario kaj O. Van Schoor, kasisto, — S-ino Sebert, — S-ro Carlo Bourlet, prezidanto de la Pariza Esperantista grupo, — S ro F. Durieux, prezidanto de la esperantista grupo de Lille, — S-ro Barono kaj S-ino Baronino de Ménil (Parizo), — F-ino N. Boon, sekretariino de la Nederlanda Ligo Esperantista, — F-ino Bertha Ledène, sekretariino de la Bruĝa grupo esperantista kaj de la organiza komitato, — S-ro Gabriel Chavet, sekretario de la Centra Esperantista Komitato en Parizo, — S-ro Adv. Taylor (Buxton), angla delegito, - S-ro Ebner (Essen), germana delegito, — S-ro D-ro Dupont, prezidanto de la esperantista grupo en Beyne-Heusay, — F-ino Maria Posenaer, vicprezidantino de la esperantista grupo de Borgerhout, — S-ro L. Van Peteghem, prezidanto de la esperantista grupo en Meĥleno, — S ro Sebruyns, prezidanto de la Gent'a Grupo, — S-ro Advokato de Poortere, vicprezidanto de la Bruĝa grupo, — S-ro Komandanto Duverdyn (Bruĝo), membro de la komitato de la Belga Ligo kaj kelkaj aliaj, kies nomon mi forgesis.

La plej kora gajeco tuj regas. La bona humoro de la kunmanĝantaro laŭte manifestiĝas, kaj ĝoje resonas la belaj kantoj de la esperantista repertuaro, grandparte ŝuldata al nia bona kamarado kaj klera kunlaboranto, S-ro Swagers.

Ĉe l' deserto aŭdiĝas multe da tostoj, kiuj naskas grandan entuziasman kaj bruajn, longajn aplaŭdojn, kaj kiujn certe oni kun plezuro retrovos en la jena numero.

## Tosto de S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, prezidanto de la B. L. E.

(Al la Reĝo)

Altestimata S-ro Provincestro,
Altestimataj Samideanoj !

Kvankam ni, Esperantistoj, klopodas por la efektivigo de la ideo, kiu, per la ligilo de helpa lingvo, unu kaj sama por ĉiuj, celas la unuiĝon de ĉiuj popoloj, trans maroj kaj landlimoj,

Ni ne malkonfesas pro tio nian hejman landon, al kiu nin kunigas tiom da karaj kaj dolĉaj rememoroj, kaj kiun ni amas kore kaj anime.

Por ni, Belgoj, la Reĝo estas la vivanta imaĝo de la patrujo, kaj al Li sin turnas en tiu ĉi solena momento ĉiuj simpatioj ; Lin ĉirkaŭas nia respekto, nia amo. Al Li nian patriotan, entuziasman saluton !

Kun nia respekteginda landestro ni deziras ke Belgujo, malgranda pro sia amplekso, estu granda per sia arto, sia scienco,

sia industrio, sia komerco. Kun Li ni deziras ke la interrilatoj de niaj samlandanoj etendiĝu pli kaj pli, ke nia kara patrujo estu ĉiuloke konata, ŝatata kaj respektata. Esperanto, la mirinda lingvo, kiun elpensis nia glora Majstro D-ro Zamenhof, plifaciligas, pliagrabligas la rilatojn inter la popoloj kaj estas, esence, potenca helpilo por sukcesigi la grandiozajn projektojn de nia amata Reĝo. Kaj mi certe estos via interpretanto, Estimataj Samideanoj, esprimante la esperon ke Li bonvolu favore konsideri nian laboron progreseman, civilizeman kaj homaman.

En komuna sento de respekto kaj de amo al la ĉefa burĝo de nia lando mi havas la honoran proponi toston al Lia Majesta Moŝto Alberto ; ni trinku je lia feliĉo, je lia prosperado de lia regado. ([1])

Vivu Alberto I !... Vivu la Reĝo !...

**Tosto de Lia Mosto, S-ro Barono RUZETTE-van CALOEN de BASSEGHEM, provincestro de Okcidenta-Flandro.**

**(Al D-ro Zamenhof kaj S-ro Witteryck)**

Mesdames, Messieurs,

Je remercie M. le Président pour les patriotiques paroles qu'il vient de prononcer en nous proposant de boire à la santé du Roi.

Il a exprimé dans une langue harmonieuse que malheureusement je ne possède pas encore, des sentiments que j'ai néanmoins fort bien compris, parce qu'ils sont communs à tous les belges. Aussi n'est-ce pas seulement en ma qualité de représentant du Roi dans cette belle province, que je l'en remercie : c'est au nom de tous les excellents patriotes groupés autour de ces tables.

---

([1]) La jena telegramo tuj estas sendita al Lia Majesta Moŝto, la Reĝo :

*A Sa Majesté Albert, Roi des Belges, à Bruxelles.*

Sire,

Plus de 350 espérantistes belges, français, néerlandais, anglais, allemands et danois, réunis à Bruges à l'occasion de leur congrès annuel, présentent à Votre Majesté l'hommage de leur plus profond respect et viennent d'acclamer un toast à Votre bonheur, Votre longue vie et la prospérité de Votre règne. Van der Biest-Andelhof, *président.*

La Reĝo respondis :

*A Monsieur Van der Biest-Andelhof, président du congrès national espérantiste, à Bruges.*

Le Roi a été très touché des sentiments que vous lui avez exprimés au nom des espérantistes belges et étrangers réunis à Bruges à l'occasion du congrès national espérantiste annuel. Sa Majesté me charge de vous adresser, et de vous prier de transmettre à tous les membres du congrès, ses sincères remerciements pour le toast chaleureux qu'ils lui ont porté.

Le ministre de la maison du roi.

A mon tour, je salue avec respect les souverains et chefs d'Etat des nations représentées à notre congrès.

Mesdames et Messieurs,

Grâce au zèle ardent, au prosélytisme irrésistible du groupe espérantiste brugeois, peut-être pourrai-je, un jour, dans une assemblée telle que celle-ci, me proclamer espérantiste croyant et pratiquant. J'ai trop l'habitude et le goût de la sincérité pour vous laiser croire qu'il en est ainsi déjà ; mais si je ne puis me dire complètement des vôtres, au moins ai-je le plaisir de pouvoir vous affirmer, avec la même sincérité, que ma sympathie vous est acquise toute entière.

Permettez-moi de développer quelque peu ma pensée. Dire qu'au point de vue des relations internationales, comme à beaucoup d'autres, notre société contemporaine se trouve en pleine évolution, c'est, n'est-il pas vrai, émettre un vulgaire truisme, tant le phénomène apparaît évident. Sous la poussée du progrès, les nations sont de moins en moins étrangères les unes aux autres. Les idées de justice et de solidarité pénètrent peu à peu le droit international aussi bien que la vie interne des nations. D'autre part, les relations de peuple à peuple — relations non seulement commerciales et industrielles — mais encore scientifiques, littéraires, artistiques et même sportives, se multiplient de jour en jour. En un mot, par dessus les frontières, les intelligences et les intérêts se rencontrent et les cœurs se rapprochent ! Et l'on peut entrevoir déjà à l'horizon le moment où le rève grandiose de la fraternité universelle, caressé depuis des siècles par tant d'âmes généreuses, n'apparaîtra plus tout à fait comme un rève. Le jour viendra où dans ce que les générations précédentes traitaient dédaigneusement d'utopie,se fera le départ exact entre ce qui est véritablement utopique et ce qui est juste, salutaire et fécond.

Travailler à faire disparaître les barrières subsistant encore entre les peuples, c'est travailler à rapprocher ce moment béni pour l'humanité. Mais n'est-ce pas là précisément, Esperantistes, la grande pensée qui vous fait agir ? n'est ce pas la grande espérance qui exprime et qui justifie le beau nom que vous portez ?

C'est, en vérite, un noble idéal, une superbe et généreuse entreprise. Cette entreprise, je n'hésité pas à le proclamer, mérite le respect, la sympathie et l'encouragement de ceux-là même qui pourraient douter de l'efficacité du moyen.

Aussi est-ce de tout cœur que j'ai accepté le patronage du groupe espérantiste brugeois et c'est de tout cœur qu'en ce moment je lève mon verre en l'honneur de l'illustre fondateur de l'Esperanto et de ses disciples dans le monde entier !

Ce verre, Mesdames et Messieurs, je vais le vider à la santé de vous tous qui vous êtes fait les zélateurs d'une noble et

généreuse idée et plus spécialement d'un homme qui, à Bruges, sert cette idée avec un zèle d'apôtre ; vous avez déjà nommé M. Witteryck !

## Toast de M. A. J. WITTERYCK

(Aux autorités locales)

Mesdames et Messieurs,

Permettez-moi de prendre la prendre la parole au nom de notre illustre Maitre, le Docteur Zamenhof, pour remercier M. le Gouverneur Baron Ruzette, de l'honneur qu'il lui a fait en réservant un toast au génial créateur de l'Esperanto, ainsi qu'au succès de son œuvre grandiose. De ce succès nous ne pouvons plus douter, grâce à la haute protection et au bienveillant accueil que l'Esperanto rencontre déjà dans bien des villes et je suis fier de pouvoir affirmer que Bruges est du nombre.

Je remercie Monsieur le Gouverneur aussi en mon nom personnel, mais je dois ajouter que les espérantistes brugeois doivent certainement leur succès à la bienveillance de leur sympathique Président d'honneur, M. le Baron Ruzette ; c'est à lui que le *Bruĝa Grupo Esperantista* doit ses progrès actuels ; car c'est à l'exemple de M. le Gouverneur que les autres autorités ont examiné la question de plus près et se sont intéressées de plus en plus à notre cause. C'est de cette façon que s'est formé notre Comité d'honneur dont nous sommes en droit d'être fiers.

L'agréable accueil qui nous a été réservé ce matin à l'Hôtel de Ville, les paroles engageantes et sympathiques de monsieur l'Echevin de l'Instruction publique, le très estimé vice-président d'honneur de notre groupe, ont prouvé à nouveau que l'Esperanto a trouvé de dignes défenseurs parmi les autorités de la ville de Bruges.

Je propose donc de boire à la santé de notre digne Président d'honneur, à celle de l'administration communale, et de MM. les Représentants et Sénateurs qui ont daigné patronner notre œuvre.

Vive le Gouverneur de la Flandre Occidentale ! Vivent les autorités de la Ville de Bruges !

## Tosto de S-ro Pastro A. RICHARDSON

(Al la fremduloj)

Gesinjoroj,

Kiam mi intencis proponi toston al la fremduloj, mia nura malfacilajo estis ke mi ne trovos ilin. Mi diris al mi mem : Kie estas la fremduloj ?

Esperantistujo ne estas nur vorta esprimo, ĝi esprimas nepran realecon, kaj en Esperantistujo ne povas ekzisti fremduloj.

Do, mi parolos ne al fremduloj sed al alilandaj gefratoj, kiuj el diversaj regionoj venas hodiaŭ partopreni en la ĝojo de la komuna familio.

Gefratoj, ni, en Belgujo, dankas vin pro via simpatio, pro via frata amo, tutkore ni deziras al vi bonvenon.

Neniam ni forgesos ke kiam ni batalis por la fideleco, por la unueco, kiam el la fidela Bruĝa grupo altiĝis la voĉo kiu estis la heraldo de la fina venko, estis vi, amikoj el diversaj landoj, kiuj kuraĝigis nin, aplaŭdis nin.., kiujn montris al la mondo ke ni ne estas solaj, male, ke ni havas malantaŭ ni, la esperantistojn de la tuta mondo.

Al vi do, Samideanoj apartigitaj per kelkaj landlimoj sed unuigitaj per la sama amo, la sama idealo, la sama lingvo, mi altigas mian pokalon kaj, je la nomo de la tuta Belga Esperantistaro, mi trinkas je via sano.

Hip ! Hip ! Hurrah !

### Tosto de S-ro CARLO BOURLET
**(Je l'nomo de l'eksterbelgaj esperantistoj)**

Sinjoro Provincestro,

Permesu, ke mi respektplene aldonu la plej korajn dankesprimojn de la eksterlandaj Esperantistoj al tiuj, kiujn nia belgaj amikoj jam petis vin akcepti. Hodiaŭ matene la urbestraro de Bruĝo pruvis al ni sian grandan favoron al Esperanto kaj nun vi, Sinjoro Provincestro, la plej alta reprezentanto de lia Majesto la Reĝo de l'Belgoj en ĉi tiu regiono, vi montras per via ĉeesto la grandan intereson, kiun la belga Registaro havas por nia afero.

Niaj esperantistaj koroj estas plenaj de ĝojo !

Karaj samideanoj,

Jes, niaj koroj ĝojas, kaj tiun ĝojon ni antaŭ ĉio ŝuldas al niaj Bruĝaj samideanoj, al nia nelacigebla amiko Witteryck kaj al lia fervora helpantino, fraŭlino Ledène, al ili, kiuj, de du monatoj, tage kaj nokte laboradis por ĉion pretigi : kongreskartojn, programojn, afiŝojn, devizojn, dekoracion. Al ili devas flugi niaj aplaŭdoj kaj sinceraj dankoj.

Kiam, meze de tiu belega festeno, oni repensas pri la malfacilaj pasintaj cirkonstancoj, pri la tempo, kiam dubemuloj proklamis, ke Esperanto mortis en Belgujo, kaj oni komparas la estintecon kaj la estantecon, oni nepre devas miri pri la neesperebla sukceso kaj admiri la rezultatojn akiritajn de la Belga Ligo, tiel lerte kaj energie kondukata de nia amiko Van der Biest.

Hodiaŭ matene nia juna kunbatalanto S-ro Van Aubel, en sia elokventa paroladeto, diris, ke la homo ne estas eterna, kaj ke sekve liaj verkoj estas ne longedaŭraj.

La *homo* ja ne estas eterna ; sed la *homaro* estas kvazaŭ senmorta.

Ĉiu el ni konfesu humile, ke li estas nur sensignifa ĉelo en tiu grandega, ĉiam kreskanta arbo, kies branĉoj estas la nacioj, kies folioj estas la familioj. Unu ĉelo mortas, kaj alia ĉelo naskiĝas ; folioj velkas, sed novaj burĝonoj malfermiĝas ; branĉoj ĉesas kreski, eĉ rompiĝas, sed aliaj branĉoj plifortiĝas, kiuj donas vivon al la neniam mortanta trunko.

En la arbo de l'homaro la Belga popolo estas vivplena branĉeto, kiu vigle altiĝas al la ĉielo. Sur tiu branĉo aperis la belga floro de l'Esperanto, brila floro de l'Espero, kiu baldaŭ fariĝis sukplena frukto.

Amikoj belgaj, « Unueco donas fortecon » estas la devizo de via lando. Vi al ni ĉiuj, Esperantistoj en la tuta mondo, montris, kiel la apliko de tiu devizo, kiel firma unuiĝo, povas doni laŭdindajn rezultatojn, kiel ĝi estas neerĉepebla fonto de Vivo, kiel ĝi resanigis, refortigis la belgan branĉon de Esperanto.

Admirante vin, ni do sincere kune krias : «Vivu la belgaj esperantistoj ! »

**Tosto de S-ro F. DURIEUX, el Lille, prezidanto de la «Nordfranca esperantista federacio »**

**(Je l'nomo de kvar francaj esperantistaj societoj)**

Estimataj Gesinjoroj,

Mi havas la la plezuron alporti al vi la saluton de kvar societoj : la Franca Societo por la Propagando de Esperanto, la Federacio de la Grupoj en la norda regiono de Francujo, la Grupo de mia urbo Lille, fine de la Internacia Asocio de la Instruistoj.

Je la nomo de tiuj societoj, mi salutas la respektindajn aŭtoritatulojn, la ĉarman ĉeestantaron, la grupon Bruĝan kaj la Belgan ligon.

Al vi, estroj de la Belga ligo, mi alportas ne nur saluton, sed gratulon, gratulon pro via inteligenta agado kontraŭ la malamikoj kaj kontraŭ la obstinaj eraruloj.

En tiu ĉi agado, mi vidas por vi du rekompencojn. La unuan vi ricevas per tio, ke viaj najbaroj turnas al vi la okulojn por lerni la batalarton, la manojn por aplaŭdi, la koron por amikiĝi...

Duan rekompencon vi ricevos en 1911, per la glora sukceso de la *sepa universala kongreso*, al kiu oni alkuros amase. Jam oni antaŭĝojas je la penso revidi siajn malproksimajn amikojn en tiel gastema lando, en la naskiĝa urbo de Rubens kaj Van Dyck, en la bela patrujo de la Belga Ligo.

Do al vi saluton, gratulon, dankon, esperon kaj sanon !

**Tosto de S-ro C. BABILON, sekretario de la Esperantista Grupo de Boom**

**(Al la redakcio de « Belga Esperantisto »)**

Gesinjoroj,

Sendube estas multe inter ni kiuj atendas iom senpacience la revenon de la 15a de ĉiu monato por povi tralegi de l'ko-

menco ĝis la fino, la enhavon de tiu ĉi literatura perlo kies nomo estas *Belga Esperantisto*.

Kvankam ne ankoraŭ dujara, ĝi iĝis jam, se ne la plej rimarkinda, almenaŭ unu el la plej legindaj, unu el la plej interesplenaj, unu el la plej zorgataj inter nia tuta esperanta ĵurnalaro.

Tiun belan rezultaton ĝi ŝuldas ĉefe al la eminenta Direktoro, kiun ĝi trovis en S-ro Van der Biest-Andelhof, kiel ankaŭ al la nelacigebla sindonemeco de liaj kunlaborantoj S-roj Champy, Schoofs, Swagers kaj Van Schoor.

Vi certe permesos al mi esprimi al ili, tie ĉi, je la nomo de ni ĉiuj, nian plej koran dankon pro iliaj laŭdindaj klopodoj.

Ili bonvolu daŭrigi la elektitan vojon, kaj ni, niaflanke, esamideanoj, ne mankos al nia devo, kiu estas : subteni abonante kiel eble plej multnombre ilian plej interesan organon.

Estas almenaŭ tiele ke ni, Boom'anoj, komprenas nian devon rilate al nia nacia revuo.

Je la daŭra prosperado de B. E. kaj je la bonfarto de ĝia agema redaktantaro !

## Tosto de S-ro D-ro H. DUPONT, prezidanto de la grupo «Antaŭen» en Beyne-Heysay.

**(Al S-ro Van der Biest Andelhof, prezidanto de la Ligo)**

Estimata Sinjoro Prezidanto,

Kiam, dum la marveturado, la ĝis tiam favora vetero malheliĝas, kiam la furiozaj ventegoj ĉirkaŭblovas, kiam la gigantaj marondoj ĉiumomente minacas subakvigi la ŝipeton, tiam, en tiu terura situacio, la ŝipestro, konscia pri la komuna danĝero kaj pri sia persona devo, alvokas al si sian fidelan maristaron, al ĉiu el ili difinas lian taskon por kontraŭstari la elkatenigitajn elementojn ; kaj kiam post surhomaj klopodoj la venko kronas iliajn penojn kaj denove la maro kvietiĝas, tiam, fortigitaj, fieraj, ili daŭrigas la antaŭenvojiradon. Iam la rememoro pri la pasintaj malfeliĉoj ĝojigos la korojn de la sentimemaj luktantoj. « *Et quondam meminisse juvabit.* »

Vi, kara Prezidanto de la Belga Esperantista Ligo, vi estas la prudenta, lerta, kaj vigla ŝipestro de nia ŝipeto ; antaŭ du jaroj, ĝi estis elmetita al la plej malamikaj atakoj kiuj rekte celis dronigi ĝin ; sed dank'al via saĝa direkto, dank' al via klera energio kaj senlaca sindonemeco, nia ŝipeto troviĝas nun en trankvilaj akvoj kaj antaŭen iradas paceme.

Bonvolu akcepti publike, pri viaj akrevidaj klopodoj, niajn plej koregajn dankojn.

La unua belga kongreso, kunigita en Verviers, la pasintan jaron, pruvis la vivpovon kaj la viveconde la belga esperantistaro : la nuna Bruĝa kongreso estas la elmontro de granda triumfo en nia lando, kaj la venonta internacia kongreso en

Antverpeno glorigos vian laboradon, samtempe tiun de viaj multnombraj kunbatalantoj.

Mi altigas mian glason, je la sano de nia kara Prezidanto. Vivu S-ro Van der Biest-Andelhof!

## Tosto de S-ro L. CHAMPY

(Al la organiza komitato)

Estimataj Gesinjoroj,

Kiam oni partoprenas feston aŭ festaron, ŝajnas tute nature ke ĉio estas bone organizita, ke ĉio okazas laŭ la programo; sed kiom malmulte da personoj prezentas al si la laboradon, la klopodojn kiuj estis por trafi tiun celon!

Estas por mi agrabla misio danki tutkore la organizintojn, kies nomojn mi bedaŭrinde ne ĉiujn konas, pri la bela akcepto al ni farata kaj pri la bona organizado de la dua belga kongreso. Mi estas do devigata min turni al tiuj, kiuj reprezentas la Bruĝajn esperantistojn, S-ro Witteryck kaj F-ino Ledène.

Mi estos certe la interpretanto de la ĉeestantaro por prezenti al la sindonemaj kaj nelacigeblaj prezidanto kaj sekretariino de la Bruĝa grupo, la esprimon de nia tutkora kaj sincera danko.

Mi proponas al vi, levi nian glason je la sano de nia kara kaj agema kunbatalanto S-ro Witteryck, de la sindonema F-ino Ledène, kaj je la prosperado de la Bruĝa grupo.

## Tosto de S-ro J. PAROTTE, prezidanto de la Verviers' a grupo.

(Al la esperantistaj virinoj)

Gesinjoroj,

Elokvente kaj tute prave oni ĵus laŭdis la multevaloran apogon, la grandajn servojn kiujn nia esperantista afero, kaj speciale la nuna kongreso ŝuldas al la alta patronado de la estraroj, al la klopodoj de l'organiza komitato, k. t. p.

Mi nun deziras en kelkaj vortoj aludi tutkore kaj dankeme al iu forto kiu senĉese por la prosperado de nia movado efikas; mi volas laŭdi iun forton tiel potencan, eble, kiel la plej ŝatindaj oficialaj apogoj, por la sukceso de nia ideo; mi volas aplaŭdigi de vi la grandegan helpon, la multŝatindan kuraĝigon kiun nia afero ŝuldas al la virinoj!

Ĉu ne en ĉiu grupo la virinoj donas la ekzemplon de l'entuziasmo por nia bela celo, de l' fervoro en la laboroj, de l'espero en la fina estonta triumfo?

Kaj ĉu oni ne povas diri ke tiu intereso de la virinoj al Esperanto estas pruvo de la vere socia, vere homara signifo de nia idealo?

Mi proponas al vi aklami la ĉarmajn samideaninojn, kies ĉeesto al ĉi tiu granda amika festo tiel plibeligas kaj pligravigas ĝin! Mi invitas vin eltrinki viajn glasojn je la honoro, je la feliĉo de la esperantistaj virinoj.

**Tosto de F-ino Bertha LEDÈNE, sekretariino de la Bruĝa grupo kaj de la organiza komitato**

**(Je l'nomo de l'esperantistaj virinoj)**

Estimataj Samideanoj!

La belaj kaj flatemaj vortoj de nia brava kunbatalanto S-ro Parotte vere kortuŝis min kaj certe aukaŭ ĉiujn aŭdintinojn.

Je l'nomo de miaj karaj fratinoj, ĉeestantaj la hodiaŭan elmontron de frateco, mi esprimas al S-ro Parotte kaj al vi ĉiuj, karaj samideanoj, mian plej sinceran dankon pro la altega valoro kiun vi aljuĝas al nia kunhelpo en la disvastigo kaj propagando de nia bela lingvo Esperanto, de tiu mirinda kaj harmoniplena parolilo, dank' al kiu la tuta homaro iĝos nur unu paca kaj amplena familio.

Mi tute ne volas kaŝi, kaj mi konfesas sincere ke ni estas fieraj pro la sukceso de nia laboro, kaj fortigitaj per viaj afablaj kuraĝigoj ni duobligos niajn klopodojn kaj ni pruvos unu fojon plie la jam konatan virinan potencon; ni montros ke virinoj estas ne nur scivolemaj, kiel oni ilin ĉiam juĝas, sed ke ili estas ankaŭ bonfaremaj kaj progresemaj kaj interesiĝas pri gravaj, homamaj ideoj.

Jes, ni daŭrigos la sanktan laboron kun obstina persisteco kaj mi estas intime konvinkita ke, pli baldaŭ ol ni kuraĝas tion esperi, ni atingos la celon en gloro!

**Heildronk van den heer O. VAN SCHOOR, voorzitter der « Antverpena Grupo Esperantista »**

**(Aan de Vlaamsche drukpers)**

Mevrouwen, Mijnheeren,

Na de verschillende sprekers die hier reeds het woord genomen hebben om eenen heildronk in te stellen, weze het mij ook gegund een paar woorden te spreken in het Vlaamsch. Onze wederlandsche hulptaal Esperanto, door het doel dat zij beoogt, namelijk het verspreiden van eene spraak waardoor de volkeren van de meest verschillende taalgebieden in hunne wederlandsche betrekkingen elkander gemakkelijk zouden verstaan, heeft te zelfden tijde een oprecht gelukkig vrijwarenden invloed op de talen van die volkeren welke tot, een klein spraakgebied behooren. Dit feit, van zoo'n hooge beteekenis in de taalbeweging der kleine natiën, werd ten volle beaamd door al de deelnemers aan de vergadering op 1 April laatst te Parijs gehouden, en waarin de bond der kleine landen voor het behoud hunner taal en nationaliteit werd gesticht. Eens te meer werd onze stelling bevestigd op het vóór acht dagen te Brussel gehouden Wereldkongres der Internationale Vereeni-

gingen, waar een spreker verklaarde dat de zon schijnt zoo voor de kleine als voor de groote natiën en dat ieder volk, met rechtmatige fierheid en trots, de handhaving mag eischen van zijn eigene taal, die hem als een voorvaderlijk erfdeel door al degenen, die voorheen tot zijnen stam en ras behoorden, werd nagelaten.

In deze bij uitstek oudvlaamsche stad Brugge, het oude Venetië van het Noorden, heeft onze dierbare Esperantobeweging steeds steun en hulp gevonden bij de drukpers van Vlaamsche uitdrukking. Daarom ook, Mevrouwen en Mijne Heeren, verzoek ik u, eenen beker te ledigen op de welvaart en den vooruitgang der Vlaamsche drukpers in Brugge. Zij aanvaarde dezen heildronk als een diepgevoeld woord van dank voor de goede diensten die zij aan ons vooruitstrevend en vredelievend doel tot hiertoe heeft bewezen, en het weze haar een woord van aanmoediging voor de toekomst om onze beweging steeds meer en meer met haar hooggeschatte medewerking te steunen.

Mevrouwen, Mijnheeren, op onze Vlaamsche drukpers van Brugge en op het welvaren van hare vertegenwoordigers!

## Toast de M. l'avocat Ch. DE POORTERE, vice-président du groupe espérantiste de Bruges

**(A la presse belge d'expression française)**

Les notes sténographiques du beau discours de M. l'avocat de Poortere se sont malheureusement égarées.

Nous le regrettons infiniment, et ce sera certes une déception pour nos lecteurs de ne pas retrouver ici les éloquentes paroles du sympathique orateur.

Il nous faut donc nous référer aux journaux locaux qui ont rapporté au sujet du congrès et nous empruntons au *Journal de Bruges* les lignes suivantes :

« M. Charles de Poortere, en une chaleureuse improvisation, remercia la presse en général du concours qu'elle donne à la cause espérantiste. L'utopie d'aujourd'hui sera la vérité de demain, et ce n'est que par la tenacité des promoteurs de l'idée que comme tant d'autres elle finira par avoir raison de l'ironie des uns et du scepticisme des autres. Les services que l'Esperanto pourrait rendre à l'œuvre si belle de la Croix-Rouge suffiraient déjà pour commander le respect universel. Grâce à la presse, les espérantistes connaîtront un jour la victoire. »

S-ro **Simon Vatriquant** (Liegô), en Liegâ valona idiomo, elparolas toston, je l'unuiĝo inter la flandraj kaj valonaj belgoj. Li rememoras la konatajn versojn de Antoine Clesse : *Flamands,*

*Wallons, ce ne sont là que des prénoms : Belges est notre nom de famille.*

Oni disiĝas je la 5a, meze de la plej granda entuziasmo, kaj kantante unuvoĉe nian himnon *La Espero.*

## POST LA FESTMANĜO

la kongresanoj, dum plej milda vetero, faris ege agrablan promenadon tra la urbo. Ili admiris la originalecon de la malnovaj stratoj, la antikvajn luksajn konstruaĵojn de la civito, kaj ĝuis la poezian aspekton de la kvietaj kanaloj, borderitaj de arboj kovritaj de juna, freŝa verdaĵo, kaj trafendataj de majestaj, blankaj cignoj, — la revigantan, trankvilan beginejon kaj la pentrindan Lago de Amo. La iamaj remparoj, nune allogantaj promenejoj, prezentis al la ekskursantoj siajn plej belajn, printempajn ĉarmojn.

El la malproksimo resonis la arĝentaj sonoj de la gaja sonorilaro el la Belfrido...

Ne forgeseblaj estos tiuj plej dolĉaj kaj feliĉaj momentoj, travivitaj, en tiu superbela kadraĵo, inter plej entuziasmitaj gesamideanoj !

## LA INTIMA FESTO

Je la 7 1/2a vespere la gekongresanoj kuniĝis en la festsalonego de la hotelo « Imperia Aglo » (Keizerlijke Arend, Aigle Impériale), superflue ornamita per verdaj flagoj, bonvenaj enskriboj kaj esperantistaj emblemoj.

Kiel memoraĵon ni enpresigas dorsflanke la programon, plej artplenan specimenon de la presejo Witteryck.

Estas ne eble priskribi detale ĉiujn numerojn de la programo. La diversaj gekantintoj kaj geludintoj, perfekte, plej laŭdinde, plenumis sian taskon. Apartan citon tamen meritas la teatraĵo « Amours Espérantistes », plej talente prezentita de F-ino Ida Vermeulen, F-ino Gabrielle Herickx ; S-roj G. Faveau, G. Platteeuw kaj M. Breyne. Grandega estis la sukceso de tiu freŝa, ĉarmega komedieto, kaj plej meritataj estis la aplaŭdoj per kiuj oni salutis D-ron W. Van der Biest, la aŭtoron, kaj la lertajn geinterpretintojn.

Post la intima festo, parto de la gekongresanoj disiĝis ; unuj preferis enspiri la vesperan aeron sur la teraso de la ĉefaj kafejoj de la urbo kaj gustumi la freŝan blondan flandran bieron ; aliaj improvizis balon, kie oni dancis kaj amuziĝis ĝis malfrue en la vespero.

*BRUĜO 1910*

2a Belga Kongreso Esperantista

—o—

# INTIMA FESTO

*de la 15a de majo, je la 7 1/2 horo, vespere,*
*en la Festĉambrego de la Hotelo « Aigle Impériale »*
*Place du Théâtre*

—o—

## PROGRAMO

—:—:—

### 1a PARTO

F-ino Stephanie Huisman (BRUĜO)
**3me Nocturne** . . . . Chopin
**4me Impromptu op. 90** . . . . Schubert
(Fortepiano)

F-ino Maria Moreau (BRUSELO)
**La Vojo** (laŭ muziko de A.-J. Witteryck) D-ro L. L. Zamenhof

S-ro Jos. Pirnay (VERVIERSO)
**Au Congrès de Verviers** . . . J. Pirnay

S-ro Leopold Verbraeken (ANTVERPENO)
**Stancoj el «Lakme»** (laŭ muziko de L. Delibes)
esperanta teksto de . . . . D-ro W. Van der Biest

F-ino Ida Vermeulen (ANTVERPENO)
**Ŝi ne legos ĝin** (premiita monologo). D-ro W. Van der Biest

S-ro Marcel Breyne (BRUĜO)
**L'Espero** (A.-J. Witteryck) . . D-ro L.L. Zamenhof

### 2a PARTO

S-ro Arthur Dierckx
F-ino Stephanie Huysman (BRUĜO)
**Berceuse** . . . . . . F. Renard
**Andante du 3e concerto** . . . G. Goltermann
(Fortepiano kaj violonĉelo)

F-no Ida Vermeulen (ANTVERPENO)
**Brood voor Moeder**, gedicht . . . Hilda Ram

S-ro Leopold Verbraeken (ANTVERPENO)
**Printempa kanto**, laŭ germana melodio . Fr. Swagers
**Vivu Zamenhof !** laŭ sveda melodio . »

F-ino Céline Giffroid (ANTVERPENO)
**Estas la Kato** (Monologo) . . . . ....

F-no Gladys Were (BRUĜO)
**Snowflakes** (Neĝeroj). . . . . Fred. H. Cowen

## AMOURS ESPÉRANTISTES

VAUDEVILLE EN UN ACTE

**par le Dr W. VAN DER BIEST**

(Représenté avec le concours du **Cercle Cecilia** de Bruges)

PERSONNAGES:

**Daisy** . . . . . . . Mlle Ida Vermeulen (Anvers)
**Mme Astrevert**, hôtelière . Mlle Gabr. Herickx (Anvers)
**Benoit**, garçon d'hôtel . . . . M. G. Faveau (Bruges)
**Bernard** . . . . . . . M. G. Platteeuw »
**Black**, père de Daisy. . . M. M. Breyne »

F-ino De Ketelaere (BRUĜO)
**L'Espero** (de Ménil). D-ro L. L. Zamenhof

## LE DUAN KONGRESAN TAGON

la gekongresanoj jam frumatene kuniĝis por viziti are la plej interesajn vidindajojn de la urbo.

En la ne granda, sed altvalora komunuma Muzeo, kie ili estis gvidataj de la plej afabla kaj klera prezidanto de la Bruĝa grupo, S-ro Witteryck, ili admiris la belajn pentraĵojn de Jan van Eyck, Memling, Van der Goes kaj aliaj majstroj de la primitiva flandra skolo. Poste, ils vizitis la hotelon Gruuthuuse, antikva landsinjora domo kun riĉaj kolektoj da kupraĵoj, flandraj fajencaĵoj kaj grandvaloraj puntaĵoj. Kelkaj samideanoj ankaŭ eniris la malsanulejon S-ta Johano, kie estas konservata la ĉefverko de Hans Memling, la relikvujo de S-ta Ursulo.

Je la tagmezo oni forveturis al Blankenberge. En tiu alridanta banurbo, post refortiganta tagmanĝo, oni vizitis la originalajn dometojn de la fiŝkaptistoj kaj promenis laŭlonge de la marbordo, kie la estado estis jam tre agrabla.

En la urbeto oni faris efikan propagandon por nia kara lingvo, parolante Esperanton kaj aŭdigante la belajn kantojn de la esperantista repertuaro.

Kelkaj samideanoj, ĉiam afable gvidataj de S-ro Witteryck, promenis ĝis Heyst kaj Bruĝo-haveno.

Alvenis, bedaŭrinde tro frue, la horo por disiri...

Oni adiaŭis, plej feliĉa pro la sukceso de la kongreso kaj pro la ĉarma kunesto en Bruĝo la bela, kaj kun la firma promeso sin revidi la proksiman jaron en Charleroi.

La raportanto pri la rimarkinda kongreso de Bruĝo ne bezonas aldoni personajn konkludojn.

La faktoj sufiĉe atestas ĝian gravecon kaj ĝian potencan influon sur la publikan opinion.

La partoprenintoj konservos pri la kongreso plej agrablan rememoron, kaj ĉerpis el ĝi novan kuraĝon por daŭrigi la propagandon.

AMATUS.

**Eraroj.** — 1. Sur la antaŭlasta linio de p. 194 oni bonvolu legi (anstataŭ : ĉar pro privataj motivoj *S-ro Mourlon* eksiĝis) *S-roj Solvay* kaj *Mourlon*.

2, La propono de S-ro Schoofs, rilate al la enkonduko de Esperanto inter la junularon estas parte erare presita (Paĝo 207).

La preciza teksto estas la jena :

« La dua Belga kongreso esperantista aprobas la starigon » de junulaj grupoj tie, kie tiu disigo de la fortoj ne malutilas » la ĝeneralan movadon (aŭ propagandon). »

# NOMARO DE LA ALIĜINTOJ

**Lia Moŝto Barono A. Ruzette-van Caloen de Basseghem,** provincestro de Okcidenta Flandro, honora prezidanto de la Bruĝa grupo esperantista.

**S-ro J. Schramme,** advokato, skabeno de Belaj Artoj kaj de Publika Instruado, honora vicprezidanto.

1. Aerts, Bruĝo.
2. J. Albert, Beyne-Heusay.
3. S-ino J. Albert, Beyne-Heusay.
4. Jules Aldebert, Fresnes (Fr.)
5. Aldebert, Péruwelz.
6. Axters, Bruĝo.
7. Cam. Babilon, Boom.
8. S-ino Babilon, id.
9. C. Bal, id.
10. S-ino C. Bal, id
11. H. Balthasar, Beyne-Heusay.
12. Gaston Barrat, Lille (Fr.)
13. F-ino Jeanne Barrat, Arras (Fr.)
14. J. Barbe-de Kneeff, Gentbrugge.
15. N. Bernaert, leŭtnanto, Antv.
16. Em. Bertels, id.
17. F-ino J. Bevel, Uitkerke.
18. Bohm, Bruĝo.
19. F-ino Cl. Bohm, id.
20. F-ino Nathalie Boon, Hago (Ned.)
21. Carlo Bourlet, Parizo.
22. Juliette Bournonville, Condé (F.)
23. Maria Bournonville, id.
24. H. Bouten, Tisselt.
25. S-no Brandenburg-Buys, Hago (Ned.)
26. Breyne, Bruĝo.
27. Jul. Cantan, Bruselo.
28. A. Cartuyvels, Namur.
29. F-ino Castel, Lille (Fr.)
30. L. Champy, inĝ. Antverpeno.
31. Gabriel Chavet, Parizo.
32. S-ino Clauw, Bruĝo.
33. Jul. Clerbaut, Boom.
34. S-ino J. Clerbaut, id.
35. Jos. Cnudde, Gento.
36. A. Cockx, Antverpeno.
37. Claudius Colas, Parizo.
38. Henri Comerre, Lille (Fr.)
39. René Comerre, id.
40. F-no Crafer, Norwich (Brit.)
41. E. D'Artois, Schaarbeek-Bruselo.
42. Davin, Seraing.
43. S-ino Davin, Seraing.
44. M. De Baets, Gento.
45. Fr. De Backer, Antverpeno.
46. F-ino B. De Bois, Bruĝo.
47. F-ino L. De Bois, id.
48. F-ino De Cavel, id.
49. De Cock, id.
50. F-ino Maria De Cock, Antv.
51. De Jaegher, Bruĝo.
52. S-ino De Jaegher, Bruĝo.
53. F-ino Paula De Jaegher, Antverpeno.
54. F-ino De Ketelaere, Bruĝo.
55. Fl. De Keyser, Antverpeno.
56. A. De la Haye, Berchem (Antv.)
57. S-ino De la Haye, id.
58. O. De la Vignette, Merbes le Ch.
59. S-ino de la Vignette, id.
60. F-ino M. De la Vignette, Ensival.
61. L. Delvaux, Charleroi.
62. Barono F. De Menil, Parizo.
63. S-ino Baronino de Ménil, Parizo.
64. F-ino Eva Demortier, Verviers.
65. Depondt, Lille (Fr.)
66. S-ino Depondt, Lille (Fr.)
67. Ch. De Poortere, adv. Bruĝo.
68. Jos. Dirckx, Antverpeno.
69. De Vriendt, kapitano, Bruĝo.
70. P. D'Haenens, Ixelles.
71. F-ino J. C. Dirkten, Hago (Ned.)
72. W. Dollez, Antverpeno.
73. Marius Doué, Parizo.
74. S-ino M. Doué, id.
75. F-ino Nellie Dowal, Norwich (B.)
76. R. Dubois, St Amand-les-Eaux (Fr.)
77. Henri Dupont, Beyne-Heusay.
78. D-ro Hub. Dupont, id.
79. Firm. Durieux, Lille (Fr.).
80. S-ino F. Durieux, id.
81. F-ino Mina Durieux, id.
82. H. Duverdyn, komto, Bruĝo.
83. Ebner, Essen (Germ).
84. Eldon. Esperanto, Leipzig (G.).
85. F. G. Fay, Berchem (Antw.).
86. F-ino Faleur, Nieppe (Fr.).
87. E. Flamont, Condé, id.
88. Ad. Finet, Antverpeno.
89. F-ino Futness, Norwich (Brit.),
90. Galand, Charleroi.
91. S-ino Galand, id.
92. L. Ghaye, Beyne-Heusay.
93. F-ino Ghyoot, Bruĝo.
94. S. Giffroid, Antverpeno.
95. F-ino C. Giffroid, id.

96. Gillemon, Bruĝo.
97. L. Goetgeluck, id.
98. Grandgagnage, Jumet.
99. Halleux, Beyne Heusay.
100. D-ro J. Hanauer, Bruselo.
101. Leo Heidendal, Arendonk.
102. F-ino Henry, Aardenburg (Ned.).
103. F-ino G. Herickx, Antverpeno.
104. F-ino G. Herla, Verviers.
105. Julien Herla, id.
106. F-ino A. Herremerre, Bruĝo.
107. Hourdequin, Condé (Fr.).
108. S-ino Hourdequin id.
109. F-ino Hugues, id.
110. Huisman, Bruĝo.
111. S-ino Huisman, id.
112. F-ino St. Huisman, id.
113. Alb. Humez, Douai (Fr.).
114. Jul. Jacobs, Contich.
115. Ed. Jacques, Bruĝo.
116. Labille, Lille (Fr.).
117. S-ino Labille, id.
118. Denis Lambecq, Fresnes (Fr.).
119. F-ino E. Lams.
120. Erm. Lange, Ensival.
121. Jos. Lanser, Lieĝo.
122. F-ino Ch. Lebègue, Beauvais(Fr).
123. D. Leclerc, id.
124. F-ino B. Ledène, Bruĝo.
125. A. Lees, Buxton, (Brit.).
126. S-ino Lees, id.
127. Ed. Leleu, Lille. (Fr.).
128. R. Leseul, Antverpeno.
129. Luc. Lespagnol, S.Amand (N-Fr)
130. S-ino L. Lespagnol, id.
131. René Lonthie, Namur.
132. Luis, Elberfeld, (Germ.).
133. W. Lutkie, Rijen (Ned.).
134. Mannevy, leŭtn. Condé. (Fr.)
135. S-ino Mannevy, id.
136. Maréchal, Bruĝo.
137. S-ino Maréchal, id.
138. F-ino Marsais, Lille (Fr.).
139. F-ino Cl. Martens, id.
140. F-ino M. Martens, id.
141. F-ino O. Martens, id.
142. Marquart, Condé (Fr.)
143. Paul Mast, Gento.
144. A. Mathieux, Bruselo.
145. Alf. Mathijs, Duffel.
146. J. Mertens, Bruselo.
147. Michiels-Tambuyser, Meĥleno.
148. Moens, Lille (Fr.).
149. F-ino Al. Moens, id.
150. F-ino Sylvie Moens, id.
151. F-ino M. Moreau, Bruselo.
152. Moskovik, Lille (Fr.).
153. S-ino Moskovik, id.
154. Namur, notario, Condé (Fr.)
155. S-ino Namur, id.
156. P. Namur, id.
157. F. Nelles, Beyne-Heusay.
158. Olivet, leŭtn. Ypres.
159. Jos. Parotte, Verviers.
160. Henri Petiau, Gento.
161. F. Fhilippens, Charleroi.
162. S-ino Philippens, Charleroi.
163. Piens, Lille (Fr.).
164. Jos. Pirnay, Verviers.
165. A. Piron, Beyne-Heusay.
166. J. T. Pollard, Buxton (Br.).
167. F-ino MariaPosenaer, Borgerhout.
168. Potharst, Hago (Ned.).
166- F-ino Priem, Bruĝo.
170. M. Putzeys, Lieĝo.
171. Raymaeckers, Kortenaken.
172. Jos. Relavisse, Lièĝo.
173. G. Richard, Condé (Fr.)
174. Pastro A. Richardson, Bruselo.
175. A. Richez, Fresnes (Fr.)
176. Louis Ritchie, Antverpeno.
177. Marius Roe, Borgerhout.
178. Fr. Rommel, Verviers.
179. D-ro Rooms, Bruĝo.
180. Barend Schoen, Borgerhout.
181. Frans Schoofs, Antverpeno.
18s. Léon Schumacher, Antverpeno.
183. Generalo H. Sebert, Parizo.
184. S-ino Sebert, Parizo.
185. M. Sebruyns, St Amandsberg.
106. S-ino M. Sebruyns, id.
187. F. Skeel-Giörling, Kopenhago.
188. F ino Leona Solvyns, Muysen.
189. J. Soyeur, Seraing.
190. Ch. Struyf, Boom.
191. S-ino Ch. Struyf, id.
192. Fr. Swagers, Antverpeno.
193. S-ino Fr. Swagers, id.
194. Fr. Tasse, Namur.
195. W. Simson, Dusseldorf (Germ.)
196. Sidney-Taylor, adv. Buxton (Brit.)
197. S-ino Sidney-Taylor, id.
198. F-ino Y. Thooris, Bruĝo.
199. F-ino M. Tournay, Dampremy.
200. Léon Tronquez, Lille (Fr.)
201. S-ino L. Tronquez, id.
202. A. M. Valeton, Utrecht (Ned.)
203. Louis Van Aubel, Lièĝo.
204. Van den Berghe, Bruĝo.
205. F-ino A Van den Eynde, Willebroeck.
206. F-ino Fl. Van den Eynde, id.
207. F-ino Van de Plassche, Aardenb. (Ned.).
208. Van de Putte, Bruĝo.
209. Van der Biest-Andelhof, Antv.

210. D-ro W. Van der Biest, Antv.
211. S-ino W. Van der Biest, id.
212. Van der Haak, Rotterdam (Ned.).
213. S-ino E. Van der Schuyt, Voorburg, (Ned.).
214. A. Van der Vet, Hago, (Ned.).
215. J. Van de Stadt, Antverpeno.
216. Eug. Van Dessel, id.
217. Van de Vijvere, Bruĝo.
218. C. Van Dyck, Willebroeck.
219. Felix Van Gansen, Antverpeno.
220. D-ro R. Van Melckebeke, id.
221. L. Van Peteghem, Meĥleno.
222. Bern. Van Riet, Berchem-Antv.
223. O. Van Schoor, Antverpeno.
224. Simon Vatriquant, Lieĝo.
225. E. Verbeke, Bruĝo,
226. Aug. Verbeken, Namur.
227. Joz. Verbraecken, Antverpeno.
228. Leop. Verbraecken, id.
229. J. Verbruggen, Boom.
230. F-ino Ida Vermeulen, Antverp.
231. Viseur, patro, Condé (Fr.).
232. Viseur, filo, id.
233. Vivian, Hull, (Br.).
234. S-ino Vivian, id.
235. M. Walle, Herstal.
236. P. Walle, id.
237. F-ino G. Were, Bruĝo.
238. F-ino Willemaers, id.
239. Fr. Willemsen, St-Mariaburg.
240. Wilmotte, Seraing.
241. S-ino Wilmotte, id.
242. A. J. Witteryck, Bruĝo.
243. S-ino Witteryck, Bruĝo.
244. F-ino H. Witteryck, id.
245. F-ino Rosa Wuyts, Antverpeno.
246. L. Wijnschenk, Hago, (Ned.).
247. S-ino Jeanne Xhoffer, Verviers.
248. J. Ziermans, Scheveningen(Ned).
249. P. Sandron, Bruselo.
250. H. de Keukelaere, Antverpeno.

Multnombraj nomoj mankas en la ĉi supra listo, en kiu ne estaj citataj la aliĝintoj de la tri lastaj tagoj.

## FOTOGRAFAĴO.

La fotografaĵo de la kongresanoj tre bone sukcesis.

Ĝia prezo estas fr. 2.10, krom la poŝtelspezoj. Konsilinde estas ke la grupoj ĝin mendu are.

Adreso : De Seuter, 14, O. L. V. straat (rue Notre-Dame), Brugge (Bruges).

Ĉiuj ĉeestintoj certe volos aĉeti tiun ĉi belan memoraĵon.